# REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO

## FRANCA ESPERANTISTO

PUBLICATION BIMESTRIELLE
27e Année
— N° 183 —
Mai-Juin 1959

34, Rue de Chabrol, Paris Xe — Métro : Gare de l'Est ou Poissonnière — Tél. : PRO. 55-03.



Les participants au 51e Congrès National d'Esperanto à TOURS, le 17 Mai 1959.

*Au premier rang (de gauche à droite) notamment: MM. Petit, Motillon, le Dr Vernon, premier adjoint au Maire de Tours, Llech-Walter, Ribot et Rousseau.*

# FRANCA ESPERANTISTO
## REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO



**Secrétariat :**

**Mlle Y. PAULIER.** - Le Secrétariat est ouvert tous les jours de 9 h. à 12 h. et de 14 à 18 h. (sauf dimanches et mardis). Pour toute réponse, joindre une enveloppe timbrée à votre adresse. - **Pour tout envoi d'argent, précisez soigneusement la destination des sommes envoyées sur le talon du mandat.**

**Rédaction :**

**M. Paul CILIGA,** U.E.F., 34, rue de Chabrol, PARIS Xe. Tél. : PRO. 55-03.

Tous les articles et communiqués ne peuvent être insérés qu'aux conditions suivantes : **être toujours dactylographiés** sur un seul côté de la feuille, avec une marge des deux côtés du texte et un double interligne. Ainsi seulement ils seront insérés. Tous les articles **ne se conformant pas à ces conditions seront refusés par la rédaction.**

*Prière d'envoyer des clichés, et non de simples photos.*

Pour toute demande de renseignements, prière de joindre **une enveloppe timbrée avec l'adresse.**

**COTISATIONS**

| | |
|---|---|
| **MEMBRE APPROBATEUR** (Fédération, 20 ; Groupe, 30 ; UEF, 25 ; UEA, 25) | 100 F |
| **MEMBRE ACTIF** | 300 F |
| **MEMBRE ACTIF** (avec abonnement à la « RF d'E ») | 750 F |
| **MEMBRE JUNIOR :** moins de 21 ans (TEJO) et étudiants | 500 F |
| **MEMBRE BIENFAITEUR UEF** (avec abonnt à la « RF d'E ») | 1.500 F |
| **Abonnement seul à la REVUE FRANÇAISE D'ESPERANTO.** | 600 F |

SUPPLEMENT POUR **UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO**

| | |
|---|---|
| **MEMBRO JARLIBRO** (reçoit l'Annuaire d'UEA) | 825 F |
| **MEMBRO ABONANTO** (reçoit « Esperanto » et Annuaire) | 1.650 F |
| *(La kotizoj de junuloj ĝis 21 jaroj estas la* **duono** *; JMJ kaj JMA estas aŭtomate TEJO-anoj)* | |
| **MEMBRO SUBTENANTO** | 2.500 F |
| **SIMPLA ABONO AL « ESPERANTO »** | 1.300 F |

Les versements sont à effectuer au trésorier fédéral ou, à défaut, à l'U.E.F. Paris. C.C.P. 855-35 Paris.

Les versements concernant le Groupe des Educateurs Espérantistes sont à faire à G.E.E., 6, Rue de la Paix, Baugé (M.-et-L.) C.C.P. Nantes 1501-41. Membre simple : 800 F ; de soutien : 1.000 F ; bienfaiteur : 1.200 F.


# LE CONGRÈS DE TOURS

Joachim du Bellay a chanté le calme, l'équilibre, la douceur de vivre de ce Val-de-Loire où s'est déroulé le 51e Congrès National d'Esperanto.

Les mânes du grand poète devaient planer sur ce Congrès, car il fut empreint d'une sereine tranquillité.

Dans la journée de samedi, des visites de la ville, une réception à l'archevêché, des sessions d'examen et une réunion des Délégués de l'U.E.F. furent organisées. Le soir, une manifestation de propagande ayant pour thème « La Vie de Zamenhof », eut lieu devant de nombreux invités. MM. Petit, Ribot et votre serviteur firent de courtes mais vibrantes allocutions. La colonie polonaise présenta un film agrémenté d'airs folkloriques, sur la Pologne.

Le dimanche, dès 8 heures, services religieux, catholique et protestant, et, à 9 h. 30, Assemblée Générale de l'U.E.F. présidée par M. l'Inspecteur d'Académie d'Indre-et-Loire. Larges débats ouverts, critiques constructives et toujours amicales, vœux en faveur d'une plus grande adhésion des membres des groupes de l'U.E.F., d'une Revue toujours plus intéressante, d'un appui plus large des pouvoirs publics. Des télégrammes en Esperanto furent adressés au Président de la République, au Ministre de l'Education Nationale et au Ministre des Relations Culturelles.

Le repas amical servi dans un cadre médiéval fut l'occasion d'une heureuse détente entre les séances de travail de la matinée et de l'après-midi.

Des rapports de nos Fédérations françaises furent lus. Celui de la Fédération Rhône-Alpes, de la Fédération d'Algérie et du Sahara, furent particulièrement applaudis. Le Président de l'Association Universelle d'Esperanto, le Professeur Canuto, avait tenu à adresser ses meilleurs vœux aux Congressistes, et les sociétés nationales espérantistes étrangères avaient envoyé par lettres ou télégrammes leurs salutations.

Le lundi de Pentecôte fut consacré aux excursions à travers le beau pays de Touraine. Mais, si l'on apprécia le fin bouquet des vins de Vouvray, le charme verdoyant des collines, la grandeur majestueuse des châteaux, une visite fut particulièrement instructive et réconfortante : ce fut celle du Centre Nucléaire de Chinon, où l'atome est mis au service du mieux-être social.

A Villandry, une plaque fut apposée sur la maison natale d'Emile Peltier, fondateur de « Espero Katolika » et pionnier du mouvement catholique espérantiste.

Beau Congrès, dont avec M. Motillon et ses collaborateurs nous pouvons être fiers.

R. L.-W.

# 51-a FRANCA ESPERANTO-KONGRESO

**OKAZINTA EN TOURS, LA** 16, 17 **KAJ** 18a **DE MAJO** 1959

La dimanĉon 17an de Majo, en Ĉambrego Richelieu, ĉirkaŭ 80 gekongresanoj sidas por ĉeesti la unuan Ĝeneralan Kunvenon de la Kongreso, malfermitan de S-ro MOTILLON, Prezidanto de la LKK. Sur la podio sidas krome S-ro Akademia Inspektoro, ĉirkaŭita de S-roj LLECH WALTER, PETIT, ROUSSEAU kaj RIBOT.

Post la legado de la salutleteroj de Universala Ligo, de S-ro Agourtine, de S-ino Ferrand, de S-ro Llorens kaj de la Grupo de Montélimar, de Varsovio, de la dana kaj sveda Ligoj, de la grupo de Moya (Hispanujo) de S-roj Jossinet kaj Dronchat, de la grupoj de Bombay kaj Jilina (Ĉeĥosl.), de Amitiés franco-polonaises, de D-ro Lapenna kaj de Prof. Canuto, S-ro LLECH WALTER, Estrarano de U.E.A. kaj Prezidanto de U.E.F. eksidas por reliefigi la specialan karakteron de tiu kongreso, okazanta dum la Zamenhof-Jaro : atentiginte pri la elstara rolo de UEA en la progresigo de Esperanto, li legas la Deklaracion de Boulogne, alvokas al pli intensa varbado kaj elvokas la seriozecon de la informlaboro plenumata en la lernejoj.

La ĉeestantaro aprobas la moralan kaj financan raportojn, legitajn de S-roj Ribot kaj Rousseau ; kaj nun, al FRANCA ESPERANTISTO, kies nova aspekto plaĉis al ĉiuj, sed kies dumonata apero estas ĝenerala kritikata. S-ro Jullien, el Aix, petas la malplinombrigon de la diversaj gazetoj en Francujo ; sekve, S-ro Ribot estas komisiita trovi solvon, por ke la federaciaj kaj grupaj bultenetoj kunfandiĝu kun F. E. Rilate la aliajn gazetojn, UEF povas deklari, ke ĝi pretas malfermi larĝe sian bultenon al la aliaj asocioj. Laŭ la ĝenerala deziro, esprimita de la Federacioj de Rhône-Alpes kaj de Alĝerio, la unua plibonigo plenumenda pri FE estas ĝia ĉiumonata aperigo. S-ro Ribot pristudos tiun delikatan aferon, sed kion oni povas fari per nesufiĉa mono ?

Laŭ propono de S-ro Petit, la grupoj sendos ekzempleron de novaspekta bulteno, kun la prezo, laŭ kiu loka presisto povos presi ĝin kaj la Konsilantaro de UEF decidos. Krome, UEF devos viziti S-ron Ministron Malraux, por montri al li efektivigaĵojn de la aliaj landoj kaj peti la financan helpon de la franca ŝtato. — Aprobitaj.

Aprobo de la Raporto de S-ro Tardieu pri la Franca Instituto : 206 Atestoj pri Lernado, 56 pri Supera Lernado, 22 pri Kapableco, 2 Atestoj Pedagogiaj. — S-ino Uline, Prezidantino de Rhône-Alpes, petas, ke en la diversgradaj ekzamenoj oni postulu la sciadon pri la ĉefaj eventoj de la vivo de Zamenhof kaj de la historio de nia movado. La ĉeestantaro decidas peti tiun modifon eke de la Supera Atesto pri Lernado.

Gazetara Servo. Pro multekosta afranko S-ro Ribot, prizorganto, sendos de nun la komunikaĵojn al la gravaj gazetoj kaj unufoje el du, sur speciala titolhava papero, informobultenojn. Aprobita.

Pro la foresto de S-ro Guillaume, senmovigita hejme post akcidento, kaj al kiu la Kongreso deziras plej rapidan kaj plenan resaniĝon, S-ro Llech-Walter parolas pri la agado de UEA. En nia lando, tiu asocio havas la plej grandan nombron da delegitoj.

S-ro Ribot memorigas la ĉeestantaron pri la Konversacia Staĝo (1), kiun li gvidos en la Kulturdomo Grésillon, de la 24a de Aŭgusto ĝis la 5a de Septembro. Estas dezirinda, ke ĉiu grupo alsendu almenaŭ unu partoprenanton. La kategorio de la « Bonan-taguloj » devas malpliiĝi.

Alvoko de la Federacioj : Nur la sekvantaj sendis reprezentanton aŭ raporton : Nord - Paris (Petit) - Centre Ouest (Frangeul) - Languedoc - Roussillon (Llech-Walter) - Provence (Juillien) - Sud-Ouest (Ribot) - Massif Central (Chagnoux) - Bourgogne (Cugny) - Algérie-Sahara (Jelenc) - Rhône Alpes (F-ino Argout).

Voĉdono de Morala Raporto : por-1080 ; kontraŭ-1 ; sindetenoj-95. Estas reelektitaj S-roj Belhoste, Chagnoux, Couteaux (Etienne), Desnos kaj Guillaume, kiel administrantoj de UEF.

La Kongreso akceptas la inviton de S-ro Llorens, por okazigi la venontan Nacian Kongreson en la urbo Montélimar.

S-ro D-ro Albault, en Toulouse, proponis la aranĝon de Beletra Konkurso dum niaj Naciaj Kongresoj. La Kongreso aprobas kaj komisias lin plani tiun altnivelan programeron.

La Norda Federacio plendas, ke la kliŝo pri ĝia budo ĉe la urba foiro ne aperis en F. E. kaj tio treege ĝenis ĝian agadon. (La kliŝon ni devis resendi, laŭ peto de la N. F., ĉar pro la Zamenhofa Jaro ne plu restis loko en N° 182. Red).

Nomo de nia Asocio : S-roj Ciliga, Guillaume kaj Thierry petas la ŝanĝon de la nomo de nia Asocio ; la Kongreso protestas kaj rifuzas, ĉar jjam last jare, oni ŝanĝis ĝin. (N. B. Jes, sed ne kontentige ; « Unuiĝo » tute ne ekzistas ! R.E.D.).

Pri la organizo de la membraro, okazis longa diskutado : ĉu devigi aŭ ne ĉiujn grupanojn aliĝi al UEF ? La opinioj estas diversaj. Oni povas konsideri :

a) Ke la organizo de federacioj kaj grupoj devenas de UEF. Estas normala, ke ĉiu grupano aliĝu al UEF almenaŭ per karto de membro-abonanto (100 Fr.).

(1) Staĝo = provtempo por debutantoj.

b) Ke la aliĝo al UEF ne malebligas la aliĝon al iu ajn asocio aŭ fako.

Grésillon-Baugé : S-ino Cheverry informas, ke en la kadro de la Zamenhof-Jaro, la Kulturdomo Grésillon okazigos feston, dum Julio, (precizigota dato) kaj strato ricevos la nomon de Zamenhof.

El la skribitaj raportoj de du federacioj, ni elprenas la jenajn detalojn :

ALĜERIO SAHARO : Ges-oj Accomiato, Lavallée kaj Micoud zorgas pri Esperanto, malgraŭ la escepte malfacilaj laborkondiĉoj. Aprobo de la artikoloj verkitaj de S-roj Llech-Walter kaj Ribot, kontraŭ la politika kaj fuŝa agado de la personoj, kiu subfosas la *verajn* interesojn de Esperanto.

RHONE-ALPES : Deziro, ke la Universala Kongreso ne ĝenu la grupojn kaj asociojn kiuj organizas Esperanto-Semajnojn dum la feria periodo. — La U. K. okazas neŝanĝeble dum la unua semajno de Aŭgusto ; la grupoj organizantaj esp. festojn devas konsideri tiun daton.

S-ro Jayer, en Aubenas, dezirus, ke, post la sukceso de la rondvojaĝo de F-ino Kaĵino, oni venigu en Francujon, por aliaj prelegserioj, alilandajn samideanojn - Estas antaŭvidebla, ke iu Brazilano baldaŭ venos tiucele en nian landon.

La gvidantoj de kursoj plendas, ke ne ekzistas literaturo por komencantoj kaj deziras, ke UEF eldonu tiajn librojn, ankaŭ la lernolibron COURS PRATIQUE. — En la katalogo de UEA, ekzistas tiaj literaturaj verkoj kaj U E F ne ricevas sufiĉan monhelpon por efektivigi tiujn eldonojn.

S-ro Jullien petas, ĉu la franca movado, post lia deziro last jara, intencas eldoni franclingve la Vivon de Zamenhof. S-ro Ribot respondas ke lia eldonfirmao « Editions Françaises d'Esperanto » aperigos ĝin, venontan Julion, sub la titolo « Le DOCTEUR ESPERANTO » ; ĝi estas verko de pola aŭtorino, S-ino Maria Ziolkowska.

Adopta Servo : Lastmomente, alvenis la raporto de S-ro Tribouillard, kiu zorgas pri la Okcidenta-Orienta Adopta Servo. Li ricevis 55 petojn de la landoj malantaŭ la fera kurteno ; kelkaj estas kontentigitaj sed restas 23 « georfoj ». La helpemuloj ekrilatu kun S-ro Tribouillard, 7, rue Blanqui LE PRÉ-SAINT-GERVAIS (Seine).

Telegramoj : Esperantlingvaj telegramoj estas senditaj al S-roj Prezidanto De Gaulle kaj Ministroj Boulloche kaj Malraux.

Fine, la Kongreso voĉdonis unuanime la jenan esprimdeziron al la Ministro pri Nacia Edukado :

Le 51e Congrès National de l'Union Espérantiste Française, réuni à Tours, le 17 Mai 1959,

Très ému des difficultés d'ordre linguistique qui ont considérablement gêné les discussions des Assemblées de Genève,

Demande instamment à M. le Ministre de l'Education Nationale de faire mettre à l'étude la possibilité d'étendre la Loi Deixonne à la *Langue Internationale Esperanto* et de permettre ainsi aux candidats au Baccalauréat de l'Enseignement Secondaire, de présenter une épreuve facultative de cette langue.

***

La inaŭguron de la Kongreso ĉeestis Akademia Inspektoro, S-ro Bonneau.

La esperantistaj kongresanoj estis akceptitaj far' de la protestanta Pastoro, S-ro de Vismes.

*La Ĝenerala Sekretario de U.E.F. :*

A. RIBOT.

***

**TELEGRAMOJ senditaj la 19-an de Majo okaze de la 51-a Franca Esperanto-Kongreso, en Tours.**

I. — *Général de Gaulle, Président de la République Française*, Paris. — Nacia Kongreso de Esperanto en Tours respektplene vin salutas kaj gratulas vin pro via agado por helpi la subevoluintajn popolojn.

***

II. — *M. Boulloche, Ministre de l'Education Nationale*, Paris. — Nacia Kongreso de Esperanto en Tours respektplene vin salutas kaj gratulas vin pro la helpo simpatia kaj nova kompreno kiun vi atestas al nia movado.

***

III. — *M. André Malraux, Ministre des Affaires Culturelles*, Paris. — Nacia Kongreso de Esperanto en Tours respektplene salutas vin, kaj esperas, dank'al via helpo, fortigon pli internacian de la franca kulturo per Esperanto.

# L'ESPERANTO DANS LE MONDE

### ALLEMAGNE.

**Nurenberg.** — Le Premier groupe espérantiste du monde a fêté le 11 décembre 1958 le 70ème anniversaire de sa création (11.12.1888)

Trois ans auparavant, s'était fondé le « Club de Nurenberg » « pour la langue mondiale » qui utilisait le Volapük, invention de Mgr Schleyer (1879).

Mais dès août 1888, un an après la parution de l'ESPERANTO, un de ses membres, Léopold EINSTEIN se persuadait, après étude de l' « UNUA LIBRO » et du « DUA LIBRO », que la LINGVO INTERNACIA, proposée par le Dr ESPERANTO était la vraie solution du problème de la langue internationale.

Et en Décembre 1888, le « Club de Nurenberg » abandonnait le Volapük et utilisait l'ESPERANTO.

En septembre prochain, ce même groupe fêtera le 70ème anniversaire de l'édition du premier journal en Esperanto (LA ESPERANTISTO) dont le premier numéro était daté du 1.9.1889.

(Extrait de « Germana Esperanto-Revuo »).

### COREE.

S-ro TAEKENG KIM est le président de la nouvelle Fédération coréenne des Etudiants Espérantistes, dont le siège est à TAEGU. Son bulletin hebdomadaire s'appelle « La Tagiĝo ».

### ESPAGNE.

— L'Institut d'Esperanto de Barcelone, réorganisé, fonctionne légalement depuis le 1er juillet 1958 avec l'approbation du Ministère de l'Instruction et le concours de tous les groupes de la ville.

Son action sérieuse et bien guidée ne pourra qu'apporter des éléments positifs en faveur de l'ESPERANTO auprès des milieux culturels, scientifiques et littéraires de la capitale catalane.

— Il avait été demandé au 4ème Congrès International de Psytothérapie, qui s'est tenu à Barcelone en septembre 1958, d'accepter l'ESPERANTO comme langue internationale lors des prochains congrès.

Cette question n'a pu, pour des raisons techniques, êtres discutée, mais un interprète d'Esperanto se trouvait au Bureau d'Information au même titre que ceux pour l'anglais, le français ou l'allemand.

Le Président du Congrès, Dr SARRO, et le Secrétaire, Dr de la CRUZ, ont promis de soutenir la campagne de propagande que prépare l'Institut d'ESPERANTO dans les milieux médicaux de Barcelone.

### ISLANDE.

Après une interruption de 7 années, la revue « Voĉo de Islando » a reparu en juillet 1958. Deux numéros par an sont prévus, qui pourront être augmentés si le nombre des abonnés est suffisant.

Ecrire à « Federacio de Islandaj Esperantistoj » Poŝtkesto 1081 — REYKJAVIK —

### MOSCOU.

A la Conférence Internationale Postale des Démocraties Populaires, trois participants russes ont utilisé l'ESPERANTO pour s'exprimer devant leurs collègues étrangers.

Ce sont un rédacteur technique de l'Encyclopédie Soviétique, le Professeur BOKAREV (1) de l'Académie des Sciences et un rédacteur de la revue soviétique « Problèmes de Linguistique ».

Informations recueillies par J. A. ROUSSEAU.

(1) *Lire : Bakariof* (*N.d.l.R.*).

### PLUS DE MILLE ŒUVRES PUBLIEES EN ESPERANTO EN DOUZE ANNEES.

**Londres.** — Selon une enquête du Centre de Recherches et de Documentation de Londres, 1.072 œuvres diverses ont paru en Langue Internationale (Esperanto) de 1945 à 1957, soit : au cours de douze années. Beaucoup de ces ouvrages — qui parcourent le monde — traitent de philosophie, de religion, d'éthique et de psychologie.

**ALVOKO AL LA EKS-MILITKAPTITOJ**

Dum la Kongreso de la eks-militkaptitoj de la Pariza Regiono, la 12-an de Aprilo, ĉeestis delegitoj de Germanio (Okc. kaj Or.), Anglio, Ĉeĥoslovakio, Pollando, Ruslando, kiuj ne povis paroli, ĉar ili ne konis la francan lingvon.

La grupo de La Garenne proponis la uzon de la lingvo Esperanto por la internaciaj rilatoj de la eks-militkaptitoj. Multaj sekcioj aprobis tiun iniciaton.

Estas tute urĝa, ke ĉiuj esperantistoj rapide kontaktu en ĉiuj urboj kaj vilaĝoj la asocion de eks-militkaptitoj, por ke en ĉiuj sekcioj oni balotu rezolucion favoran al Esperanto. Poste ĝi estu sendata al ĉiuj estraroj, por ke fine la nacia kongreso, kiu okazos dum **septembro,** povu diskuti akcepti la proponon.

La esperantistoj, kiuj povos responsi pri tiu laboro, bonvolu kontakti kun **S-ro Chefd'homme,** 7, rue des Acacias, **Bois-Colombes** (Seine).

## LA REPUBLIQUE DES CITOYENS DU MONDE, 13, Prince of Wales TERRACE, London W8,

### a deux députés en France :

MM. Bernard MULOT, 26, rue des Rosiers, Paris-IVe et Johano PIGNERO, Crisenoy (S-et-M.), qui ont informé leurs concitoyens de leurs intentions, dont voici la première :

« Le premier Parlement de la R.C.M. doit se réunir à Vienne (Autriche) du 4 au 8 Mai 59... Le programme de la session prévoit la discussion des vœux des Communautés et des vœux individuels.

Nous comptons défendre, pour le compte de la Zone 10 si vous l'approuvez à la majorité, sinon à titre individuel, le vœu de l'introduction de l'ESPERANTO comme langue de la R.C.M. entre des citoyens ne parlant pas une même langue. Nous demanderons en conséquence que les débats du Parlement aient lieu dans cette langue internationale neutre... »

## L'ESPERANTO AU « GROS LOT »

Le récent passage à la télévision hollandaise d'un candidat interrogé sur l'espéranto a été plein d'enseignement pour des millions de téléspectateurs.

Cet exemple pourrait-il être suivi par la R.T.F. ? Pourquoi pas ?

En tous cas, ce ne sont pas les émissions radiophoniques ou télévisées qui manqueraient à un espérantiste entreprenant.

Il suffit de rappeler le succès remporté chaque semaine par les jeux du « Gros Lot » ou de « Télé-Match »...

## JOURNAL DE MEDECINE DE LYON

De nun la « Journal de Médecine de Lyon » denove regule aperigas siajn resumojn en Esperanto danke la kunlaboron de D-ro A. ALBAULT. Kuracistoj kaj medicinistoj estas petataj mendi provekzempleron (115 F. sendotaj al : « Journal de Médecine, 52, rue Victor-Hugo, Lyon. C.C.P. Lyon 160-74) kaj gratuli la redakcion. La « J.M.L. » estas la organo de profesoroj, agregaciuloj, hospital-kuracistoj kaj praktikistoj de Liono. Ĝi aperas dufoje en ĉiu monato.

(Represo petata).

## NUMERO SPECIAL DE « FRANCA ESPERANTISTO »

N'oubliez pas que l'U.E.F. peut mettre à votre disposition, pour les besoins de votre propagande, une certaine quantité de Numéros Spéciaux de « Franca Esperantisto ».

Ces Journaux ne portent pas de date et sont étudiés pour rester d'actualité.

— EXCELLENTS OUTILS DE PROPAGANDE. —

Passez sans tarder commande à l'U.E.F., 34, rue de Chabrol, Paris Xe (C.C.P. 855-35 Paris). Le N° : 50 frs. Au-dessus de 9 : 35 frs le N°.

N.B. — Il en reste encore une quantité assez importante. — Ce n'est qu'après l'épuisement complet du stock, qu'il pourrait être envisagé l'édition d'un nouveau N° spécial.

***

## COMMUNIQUES DE L'U.E.F.

### Membres Bienfaiteurs 1959.

F-ino Artigaud, S-ro Gicquel, S-ro Fleischel, S-ro La Forest, F-ino Fercocq, S-ino Lavallée, S-ro Robert Martin, S-ro Jullien, S-ro Delahaye, S-ro Philippe, S-ro Omont, S-ro Poly, S-ro Tison, S-ro Romano-Joly, S-ro Crochet, S-ro Jelenc, S-ino Jourdan, F-ino Pêche, F-ino Aubrun, S-ino Menard, S-ro Beliard, S-ro Marly, F-ino Bonafous, S-ro Chevalier, S-ro Jaegy, S-ro Jaegy, S-ro Surmont, S-ro Richou, S-ro Legrix, S-ro Keller.

### Dons.

S-ron Seven : 300 fr. ; F-ino Godebout : 100 ; S-rou Amouroux : 100 ; S-ro Charlet : 150 ; S-ro Mirande : 200 ; S-ro Salasc : 50 ; S-ro Crochet : 100 ; S-ino Lacombe : (pour la bibliothèque) 450 ; F-ino Lemonnier : 22 ; S-ro Retault : 400 ; S-ro Jacquot : 80 ; S-ro Blondeaux : 200 ; S-ro Penot : 50 ; Anonyme : 50 ; F-ino Fercocq : 5.000 ; S-ro Feneyrol : 500 ; S-ro Coupeau : 760 ; Anonyme : 750 ; S-ro Doyelle : 100 ; S-ro Fairbank :50 ; S-ron-Saget : 250 ; S-ro Theret : 130 ; S-ro Gaido : 100 ; S-ro Pialla : 100 ; S-ro Pierre Petit : 50 ; S-ino Carrière : 1.000 ; S-ino Jungeaud : 500 ; S-ino Mezger : 100 ; S-ro Sikora : 100 ; S-ro Buerich : 750 ; S-ro Biliard : 70 ; S-ro Laffon : 50.

### Fonduso Hindujo.

S-ro Fabert : 500 ; S-ro Robert Martin : 500 ; S-ro Charlet : 600 ; S-ro Jullien : 2.000 ; D-ro Tortel : 31.500 ; S-ro Poly : 500 ; S-ro Tison : 1.000 ; S-ro Doyelle : 250 ; S-ro Tribouillard : 550 ; S-ro Moindrot : 200 ; S-ro Sikora : 100 ; S-ino Mezger : 100.

(Sur la Decembra numero estis erare indikita : S-ro Petit : 1.000 anstataŭ ol 10.000 fr.)

### Erratum. (Veuillez corriger dans le N° 182) :

Dans la liste des Membres du Conseil de l'UEF pour 1958 le nom de **Pierre PETIT** a été omis par erreur. Nos lecteurs, qui connaissent bien l'activité inlassable de notre Vice-Président en faveur de la Langue Internationale, auront sans aucun doute rectifié d'eux-mêmes.

## ENIGMA KONKURSO Nº 2

Per la sekvantaj literoj aŭ litergrupoj, A AJ AJ AN BA CO E EM EN FLA FO FTO GAS GOJ GVE IN IN JA JEZ KLO LI LIO LO LOJ ME MI MO MO NA NO NO NOJ NU NU O OJ OLI OR OR PA PI PLE RI RIK RIS RO SCI SI TAU TO TO UI VA

formu sepliterajn vortojn laŭ la jenaj difinoj : 1-Efektivigi 2-abisina rezino 3-fiksilo 4-vejna inflamo 5-brulumo 6-malpostaj 7-monato 8-animala restaĵo 9-poemetoj 10-streĉita lameno 11-parto de la kapo 12-ekscitiĝo 13-religiula societano 14-insekto 15-lakoj 16-intesta desinfektaĵo 17-tutaĵo da konoj

Vertikale, la unuaj kaj kvinaj literoj de tiuj vortoj formos frazon, kiu povos esti utila al vi por la venontaj monatoj.

La solvon, oni sendu al S-ro Jack A. ROUSSEAU, 64, avenue de Châtillon, PARIS - XIVe, antaŭ la 31-a de Julio 1959.

### HELSINGÖR

La internaciaj feriaj Esp-kursoj en La internacia Altlernejo de Helsingör, Danlando, okazos ankaŭ nunjare, 25/7 — 1/8, do tuj antaŭ la UK en Varsovio. Rimarkinda estas, ke jam 27 jarojn sinsekve okazas ĉi tiu feria aranĝo. Multaj miloj da esperantistoj el preskaŭ ĉiuj landoj de la terglobo ĉeestis ilin kaj ĝuis agrablajn tagojn. S-ro Tib. Morariu, Stokholmo, gvidos denove sian preparan kurson por Cseh-metodaj geinstruistoj, f-ino Ida Christensen, Kopenhago, la konversacian kurson, kaj s-ro Sögard, Aarhus, la daŭrigan. Krome faros prelegojn f-ino M. Noll, s-ro L. Friis, kaj aliaj. Prospekto senpage havebla ĉe

L. Friis, Ingemannsvej 9, **Aabyhöj.** Danlando.

### KIU ESTAS KIU EN LA ESPERANTO-MOVADO ?

Stranga titolo, ĉu ne? Kiu konas kiun en la Esperanto-Movado ? Fakto centfoje ripetiĝanta estas, ke la scio pri tiu aŭ alia persono (ni intence evitas la vorton **eminentulo,** tro uzitan ĝis nun !) inter niaj aktivuloj estas minima, se nu nula. Pri mortintoj oni ĝenerale povas esti indulgema : ja la kvara generacio de nia esperantista familio vere ne povas koni ĉiujn, kiuj esperis, laboris kaj iris la vojon de ĉio tera. Sed la afero estas tute alia pri la **nunaj aktivuloj** — sur pli alta ebenaĵo. — Ilin oni devas koni pli vaste kaj precize ol nura nomo, hejmnlaodo kaj signifa esperantisteco. Eĉ se koncize, oni devas ilin koni iom detale, kaj fidinde.

Por forigi tiun evidentan mankon en nia dokumenta literaturo, la eldonisto J. Régulo Pérez, per la konataj serioj popularigitaj sub la nomo STAFETO, prenis sur sin la taskon eldoni libron kun la supra titolo (laŭ la multe uzata **Who is Who ?** : ekonomia-politika-diplomata eldonaĵo). La **Kiu estas Kiu ?** esperantista cela doni koncizajn sed fidindajn informojn pri pasintaj pioniroj kaj nuntempaj aktivuloj, kiuj iel koninde kontribuis al nia Movado. La skemo estas proksimume jena :

Nomo(j) — antaŭnomo(j), eventuale pseŭdonimo(j).
Dato (tago, monato, jaro) kaj loko de naskiĝo, ev. de morto.
Studo(j), ev. ankaŭ ŝatokupo(j).
Civila kariero, laboro, kutimaj okupiĝoj.
Agado por Esperanto, kun precizaj indikoj pri lokoj, jaroj ktp.
Verkaro, kun indiko de kompleta titolo de la pecoj, loko kaj jaro de eldono, ev. numero de eldonoj de ĉiu peco kun pli ol unu.
Notindaj apartaĵoj aŭ aldonaĵoj.

Ĉio en konciza, telegrafa, leksikona maniero, sed sufiĉe klare, por eviti denovan enketon pro dubaj punktoj. La tekston, ĉe plej konataj gravuloj, akompanu bona pasportformata bildo por ornami la biografieton.

Redaktas la libron la estinta Direktoro de UEA S-ro Hans Jakob, Palais Wilson, GENEVE, Svislando. La Estraro de UEA rajtigis lin uzi la riĉan materialon de la UEA-Biblioteko en Genevo ; plie la redaktoro disponas ampleksan dokumentaron el la redakcio de la **Enciklopedio de Esperanto.**

Temas pri kolektiva verko kaj la bonvolan kunhelpon de ĉiuj ni insiste petas kaj tre dankas. Ideojn kaj konsilojn plezure ricevos la redaktoro. Antaŭvideble la libro devas esti finredaktita kaj prestaŭge tajpita frue en 1960 (sub la kutima rezervo, bone komprenita).



### NEKROLOGO

La tre agema S-ano G. Véron (Domfront, Orne) informis nin pri la ĵusa forpaso de sia patrino.

Ni plej varme kaj sincere kondolencas.

# RECENZOJ

*La redakcio recenzigas nur duope ricevitajn librojn, ĉar 1 ekzempleron ricevas la biblioteko.*

### LUDOVIKO EN NEDERLANDO

par Pierre Delaire, Chargé de cours à la Radio, Directeur du Centre National Esperanto-Office (Orléans). Préface de Marie Bonafous, Professeur de Lettres classiques au Lycée de Jeunes Filles d'Avignon. Deuxième édition. 202 paĝoj, 975 fr. aŭ 1.100 fr. en kartona ujo, afrankite sendita.

La nova eldono de tiu ĉi **pedagogie** verkita perfektiga kurso montras la favoran akcepton ĉe nia publiko de l' principo serioze plibonigi sian konon de l'Internacia Lingvo post la akiro de elementaj scioj.

« Ludoviko en Nederlando » esas logika sekvo de l'unuagrada lernolibro de S-ro Delaire ; ĝi konsistas el bonstilaj tekstoj (unu sola francaĵo : diras li, anst. li diras ; ne necesas inversigi la ordon laŭ franca maniero), lingvaj rimarkoj, ekzercoj, utilegaj konsiloj. Dua parto studas la « Lingvajn Respondojn » de Zamenhof. Tamen ĝi **ne** estas reale « Supera » kurso ; tiun ni atendas ĝis nun, kaj ĝi estu samnivela kiel « Plena Gramatiko » sed pli klara !

Preseraroj bedaŭrinde estas sufiĉe multaj ; multobligita eratumfolio korektas ilin.

P. CILIGA.

***

### FOLIOJ EL LA BILDOLIBRO DE DIO DE MARTINUS

El la Dana originalo tradukis G. GRAVERSEN
Formato 13 × 18. Paĝoj 89. Prezo 6,5 kronoj
Spirit-Scienca Instituto Mariendalsvej 94-96
Kopenhago F. DANUJO

Ĉi tiu libro, bindita en verda tolkovrilo kiel la antaŭaj verkoj de Martinus, konsistas el du partoj : la unua kun la menciita titolo kaj la dua kun la titolo « Pentekosta brilo super la vivo ». Ĝi estas la sesa de kuranta serio kaj aperas post dujara silentado. Ankaŭ per tiuj lastaj verkoj, pli spiritaj ol sciencaj, Martinus celas liberigi la homojn de la nuntempa materialismo kaj ankaŭ de la religiaj dogmoj. Li invitas al intensigo de la interna vivo, kiu sole kapablas konduki al Dio. Laŭ stilo eleganta, glata kaj poezia li prezentas el siaj meditadoj kelkajn priskribojn jen religiajn, jen pure naturalismajn.

Martinus ne montras sin moderna profeto kaj ne religifondinto. Tamen li ofte referencas al Kristo, al la Sankta Spirito, al la Biblio, kaj predikas la amon al proksimulo. Jen kiel parolas Dio pri tiu lasta objekto en la lingvo de la surteraj homoj : « Vi devas zorgi, ke la plej varma simpatio de via spirito, kiel suno leviĝu sur la mentalan ĉielon de via proksimulo, kaj kiel oron kaj purpuron, kiel opalojn kaj safirojn, vi devas igi pacon kaj benon de la somera tago brili super la kontinentoj kaj maroj de lia konscio, tial ke li ĝojkrias al la ĉielo pri sia renkonto kun vi ».

Pro la forĵeto de ĉiaj dogmoj la instruado de Martinus, kompreneble, ne akordiĝas kun la katolika doktrino.

Tre bona lingvo. Aspekto modela.

R. LÉGER.

***

### D-RO ANTE GRGURINA : ĈE DOKTORO

(eld. de Serbia Esperanto-Ligo. « Nova Libro », N° 8, eldonkvanto 2000 ekz. ; 60 paĝoj-prezo : 420 fr.). (1)

« La verkinto de tiuj ĉi rakontetoj ne estas profesia literaturisto » (el la « Antaŭparolo »). Malgraŭ tio tiuj ĉi rakontetoj havas nedubindan literaturan valoron. Tio estas la unua karakteraĵo de tiu verketo. Dua karakteraĵo : la rakontoj estis tradukitaj de la aŭtoro mem. Do : nek vera originalo, nek vera traduko.

Aliaj trajtoj : tiu libro estas legebla de komencantoj : klara lingvo kaj flua, ofte eĉ eleganta, stilo (kelkaj rakontoj tamen ne estas legeblaj de tro junaj « komencantinoj » !), sed ĝin ĝuos ankaŭ spertaj Esperantistoj. En ĝi oni povas trovi bonhumoron kaj amaron, vivoptimismon kaj plej nigrajn kruelaĵojn, komikon kaj tragikon. Oni ĝin povas legi jen sidante en profunda fotelo apud bona fajro, jen starante en homplena trajno. Kun egala plezuro.

Legante tiun libreton, vi konatiĝos kun ridetanta kaj vivoplena D-ro Grgurina, kaj ankaŭ kun tiuj kamparanoj ofte naivaj, kelkfoje sovaĝmoraj, ĉe kiuj li praktikis sian arton. Se vi deziras ekscii, kiamaniere kadavro povas reviviĝi, kiel el manĝo de gulaŝo povas rezulti baptokuko, kiel oni povas elkuraci nesenvestigeblan mahometaninon, kaj... kiel medicin-studento povas kun minimumegaj scioj elteni brile sian ekzamenon, tiam mendu tuj la libron de D-ro Grgurina. Vi ĝuos agrablajn kaj emociplenajn momentojn.

Michel DUC GONINAZ.

(1) *La nomo de l'aŭtoro, malfacila por franca lango, legiĝas proksimume : « Ger-gurina », kun vokala « r ».* (RED).

## LA FOIRO DE BRNO... PAROLAS ESPERANTE

La **Internacia Foiro** de Brno, kiu okazos en Septembro, de la 6-a ĝis la 20-a, kaj enhavos ekspoziciistojn de la tuta mondo, uzas Esperanton por sia organizado.

Ja, ĝi eldonis Esperantan informan bultenon : en ĝi ni trovis ĉiuspecajn informojn pri la Foiro, kaj ĝiaj pavilonoj, la produktoj ekspoziciotaj, k.t.p.

La interesatoj povas obteni pliajn informojn skribante al **Presfako de Specimena Foiro de Brno, filio Praha 3, Vàclavské nàm. 57, BRNO, Ĉeĥoslavakio.**

## EKZISTENCIALISTAJ HEROOJ EN LA VERKARO DE J.-P. SARTRE, de F-ino Colette Llech-Walter

Jen la titolo de nova ŝatinda libreto, verko de juna kaj simpatia prelegistino, kiu pritraktis la saman temon antaŭ la partoprenantoj de la Universala Kongreso de Esperanto en Marseille.

La aŭtorino, F-ino Colette Llech-Walter, Licenciato pri Beletro kaj Diplomita pri Superaj Studoj, estas la filino de nia sindona Samideano, S-ro René Llech-Walter, Prezidanto de la Esperanto-Movado en Francujo, Estrarano de U.E.A. — Rememorigante la francan proverbon, oni rajtus tute prave diri : « Tia patro... tia filino ». Fakte, ili ambaŭ havas por Esperanto la saman korinklinon. Ili ambaŭ parolas flue kaj praktikas volonte nian karan internacian lingvon.

Nekontraŭdireble, praktiki rekte en Esperanto tiel gravan filozofian temon estas mirinda pruvo, ke la verkistino ĝisfunde konas la nuancojn de la lingvo. Estas ankaŭ kaj precipe nerifutebla pruvo de la senkompara taŭgeco de Esperanto por esprimi la plej diversajn formojn de la homa penso, eĉ kiam temas pri kelkfoje subtilaj nuancoj, filozofiaj, sciencaj, teĥnikaj...

Oni povas volonte aserti, ke la nova libreto de F-ino Colette Llech-Walter, kvankam, ŝajne, modesta, kaj krom tio, tre malmultekosta, estas tamen altvalora verko. Ĝia laŭlinia franca traduko ege utilos, kaj al la franclingvanoj kiuj deziras ĉiam pli bone praktiki Esperanton, kaj al la alilingvanoj, kiuj eklernis la francan, kaj povos, tiamaniere, perfektiĝi en ĝia kono. — Tiun novan broŝuron ĵus presis la « GABELLE PRESEJOJ » en Carcassonne, kun la helpo de la « Eldonoj de " Kultura Esperanto-Rondo " », 5, quai Vauban, Perpignan. — Kvankam modesta, tiu broŝuro, tre plaĉa kaj belaspekta, havos taŭgan lokon en la propra biblioteko de ĉiu vera Esperantisto.

R. G.

— P-ro D-ro Giorgio Canuto per tre taŭga antaŭparolo prezentas la verkon de F-ino Llech-Walter.

— La broŝuro estas havebla ĉe U.E.F., 34, rue de Chabrol, Paris X$^{e}$.

— Aldonu al via mendilo, 4 « Stelojn » aŭ 4 « Respondkuponojn ». — Por francoj la kosto estas 150 fr. fr. (afrankite).

## ARS

En tiu centjara datreveno de la morto de Sankta Pastro de ARS la Esperantistoj legos kun plezuro la libreton pri Johano Vianney verkitan de la « Fratoj de la Karitato ».

Ĝi estas bona kompilaĵo de plej gravaj verkoj, inter aliaj de Mons-ro Francis Trochu. Krom kelkaj malĝustaj vortoj, kiel « ricevi Jezuon » anstataŭ ol « akcepti Jesuon », la stilo estas facila kaj flua.

Jean Boulmer.

Prezo : 1 respondkupono. Adreso : Kongregacio de la Fratoj de la Karitato, Stropstraat 127, GENT (Belgio).

La Federacia registaro en Germanujo, « fako por informado » okaze de la 43a Universala Kongreso de Esperanto en Majenco eldonis belan broŝuron en Esperanto kun la titolo :

**« Faktoj pri Germanujo »**

kaj donis ĝin al ĉiu kongresano en Majenco.

Krom tiu ĉi afabla donaco nia registaro disponigis al nia Asocio pluran kvanton de tiu ĉi broŝuro, ĉar ni promesis sendi ĝin al la eksterlandaj reprezentantoj de la Esperanto-Movado.

« **Kiu deziras la libron, bonvolu sendi respondkuponon** kaj bone legeblan adreson. Ni tuj sendos ! » diras Germana Esperanto-Asocio, Bergish-Gladbacher-str. 1095, Köln-Dellbrück, Germanio.

Ni povas nur rekomendi ĉi tiun elegante presitan broŝuron, riĉe ilustritan, kiu en konciza formo klare resumas la minimumon da konoj, kiun ĉiu franco devus havi pri tiu najbara lando.

## RAVENNA

32 paĝan, riĉe ilustritan Gvidlibron de la urbo de Ravenna (Italio) oni povas ricevi senpage mendante ĝin per simpla poŝtkarto al Esperanto Grupo-Piazza Anita 1, Ravenna, aŭ al Azienda Autonoma Soggiorno e Turismo, Via 13 Giugno, Ravenna.

**Como kaj ĝia Lago.** — Faldfolio en Esperanto, sur luksa papero, riĉkolore ilustrita er bildoj kaj granda, panorama karto. Eldonita de « Azienda Autonoma Soggiorno di Como », ĝi substrekas la plej interesajn belecojn de la urbo kaj ĉirkaŭaĵoj. Senpage havebla, de la citita Entrepreno.

**Turismaj Informoj el Pollando.** — Riĉe ilustrita broŝuro eldonita de Komitato por Turismo kaj de Pola Vojaĝoficejo « ORBIS ».

En la unua parto oni evidentigas la nuntempan staton de turismo en Pollando kaj la notindajn rezultojn atingitajn de ORBIS dum la jaro 1958. La dua parto ilustras la turismajn vidindaĵojn de Pollando : la vintrajn kuraclokojn Zakopane kaj Krynica, kaj la antikvajn urbojn Poznan kaj Krakovo. Tuta paĝo estas krome dediĉita al 44-a Universala Kongreso de Esperanto. Aperis ankaŭ artisme ilustrita broŝuro pri Krakovo.

Ili estas senpage riceveblaj ĉe Pola Vojaĝoficejo « ORBIS », Warszawa-Bracka 16, aŭ de Pola Esperanto-Asocio, Warszawa, Nowy Swiat 27.

# PASTRO EMILE PELTIER

(1870 - 1909)

Antaŭ kvindek jaroj forpasis pioniro de la katolika Esperanto-Movado : Pastro Emile Peltier. Por saluti lian memoron, la esperantistoj emos legi la jenajn biografiajn notojn.

Li naskiĝis en Villandry (Indre-etLoire) la 17-an de Septembro 1870. Post piema knabeco li eniris la seminarion en Tours (1884) kaj fariĝis sacerdoto en 1893.

Li estis paroĥestro en Sennevières, poste en Cheillé. Fine li estis nomita profesoro pri angla lingvo en la seminario de Tours. Inteligenta kaj studema, li multe interesiĝis pri la lingvoscienco. Li tre bone scipovis la anglan kaj la germanan lingvojn, kaj sufiĉe bone komprenis la italan, la hispanan kaj la portugalan.

Kiam Esperanto komencis disvastiĝi en Francujo, li ekinteresiĝis pri la Internacia Lingvo kaj tralernis ĝin en 1902.

Kiel lingvisto li agnoskis la mirindajn ecojn de Esperanto kaj kiel sacerdoto li volis uzi tiun novan ilon por la disvastigo de la religio « por la plej granda gloro de Dio kaj la bono de la homaro ». Lia plej granda deziro estis helpi al la reunuiĝo de la kristanoj.

Por tiu celo li konsentis, kvankam li estis esperantisto nur de kelkaj monatoj, krei esperantistan katolikan societon kun la celo disvastigi Esperanton inter la katolikoj por multobligi kaj faciligi iliajn rilatojn kun siaj alilandaj fratoj. Li ŝatis, ke realiĝu la vorto de la Sinjoro : « Kaj estos unu ŝafaro kaj unu paŝtanto ».

Kun la aprobo de la ĉefepiskopo de Tours li publikigis, eke de Oktobro 1903, okpaĝan gazeton : *Espero Katolika*. Sur la verda kovrilpaĝo montriĝis lia devizo : *unu ŝafaro kaj unu paŝtanto*. Ĉiam li restis fidela al tiu ĉi celo, kiel pruvas liaj multaj artikoloj en la sinsekvaj numeroj.

Tamen, je la komenco, *Espero Katolika* estis ofte kritikata de la esperantista gazetaro, ĉar Pastro Peltier, ankoraŭ nova esperantisto, allasis kelkajn lingvajn (1) ŝanĝetojn, t. n. « plibonigojn », al kiuj pli kaj pli ema estis lia unua kunlaboranto, s-ro Henri Auroux. S-ro Auroux forlasis sian oficon kaj tiam *Espero Katolika* aliĝis al la jena letero de D-ro Zamenhof, kiun li publikigis : « Simile al ĉiu alia lingvo, Esperanto devas esti rigardata kiel lingvo finita kaj netuŝebla. Paroli pri iaj plibonigoj (se efektive ili estos necesaj) ni povos nur tiam, kiam nia lingvo estos jam oficiale akceptita en la tuta mondo. Ĝis tiu tempo la netuŝebleco de la lingvo estas la plej fundamenta kondiĉo por nia propagando ».

De tiam *Espero Katolika* montriĝis internacia katolika gazeto redaktita en la pura Esperanto Zamenhofa. Pastro Richardson, kiu bone konis pastron Peltier, refutis post ties morto, la akuzojn malverajn pri la opinioj de pastro Peltier, kiu estis « homo sentima kaj senriproĉa » (2).

*Espero Katolika* anoncis la Unuan Universalan Kongreson en Bulonjo-ĉe-Maro kaj invitis la katolikojn al partopreno. Pastro Peltier mem ĉeestis kaj organizis katolikan kunvenon kaj meson. Kvankam judo, D-ro Zamenhof ĉeestis la meson. Malgraŭ la atendo de ĉiuj, esperanta prediko ne povis okazi. Sed jam dum la Dua Universala Kongreso en Ĝenevo (1906), Pastro Peltier faris la unuan predikon en Esperanto, por la ĝojo de ĉiuj ĉeestantoj. La 27-an de Aŭgusto, li ricevis el Romo leteron sciigantan, ke la Papo Pio X donis al li, al lia gazeto kaj al liaj kunlaborantoj la Apostolan Benon.

Tiu ĉi novaĵo tuj diskoniĝis ne nur inter la katolikoj sed inter ĉiuj kongresanoj. La prezidanto de la kongreso, protestanta pastro Schneeberger anoncis dum la ĝenerala kunsido : « Niaj amikoj, la katolikoj, ricevis de la Papo altan aprobon, kiun ni komunikas al la kongreso ». La laŭtlegado de la letero estis salutata per longaj aplaŭdoj. En posta numero de la gazeto, Pastro Peltier humile petis senkulpigon, ĉar, pro tro granda emocio, li ne povis ekstari kaj danki publike.

En 1907, pro malbona sanstato, li ne povis partopreni la Trian en Cambridge. Sed li skribis leteron, kiun laŭtlegis Pastro Richardson, en kiu li sciigis lian intencon fondi esperantan presejon.

La malsano ankoraŭ ne permesis al li partopreni la Kvaran en Dresden (1908). Sentante la baldaŭan morton, li rapidis organizi redakcian komitaton de *Espero Katolika* kaj transdonis al ĝi sian revuon. La nova komitato resumis la celon de la gazeto per tri vortoj : 1° katolika, 2° esperantista, 3° agado, kaj li konfidas la ĉefredaktadon al s-ro Claudius Colas el Parizo. Antaŭ ol retiriĝi li volis anonci la daton de la Kvina kongreso en Barcelono kaj li invitis la katolikojn partopreni grandnombre. Tiel estis !

Pastro Peltier faris pilgrimon al Lourdes por peti de la Dipatrino ĉu lian resaniĝon, ĉu la favoron morti apud ŝia sanktejo. Lia deziro estis elaŭdita, ĉar fakte li mortis en Lourdes la 16-an de Februaro 1909. Liaj lastaj deziroj estis la daŭrigo de la komencita laboro kaj la unuigo de la kristanoj per la lingvo Esperanto.

La korpo de Pastro Emile Peltier, la energia iniciatoro de la katolika Esperanto-Movado, estis entombigita en Lourdes. Sur lia modesta tombo oni starigis marmoran tabulon sur kiu estas skribitaj la simplaj vortoj : Pastro Emile Peltier, 20 Septembro 1870-16 Februaro 1909, Fondinto de la revuo Espero Katolika.

La katolikaj esperantistoj emocie memoras pri tiu batalanto kaj deziras daŭrigi la noblan laboron, kiun li kuraĝe entreprenis pro amo al Dio kaj al la Homaro.

Jeanne LE BOËDEC.

(1) *Multajn ŝanĝojn kaŭzis al p. Peltier la ekzisto de supersignitaj literoj ; tial li aprobis longe antaŭ sia morto (letero de la 28-VIII-1907) ilian forigon far' de prof. Couturat.*

(2) *Jen kion skribis p. Peltier : « mi estas partiano de nedeviga akuzativo, de senŝanĝa adjektivo, de la forigo de aprioraj vortoj, de la pluralo-i, de l'infinitivo-ir, de la vortara reformo... ».*

*La leteroj de pastro Peltier al prof. Couturat kaj al p. Schneeberger montras kaj pruvas, ke li estis partiano de plibonigoj en Esperanto, sed ke li timis aperte deklari tion al siaj legantoj, ĉar li antaŭvidis, ke multaj el ili bojkotos lian revuon.* (RED).

## LINGVAJ PROBLEMOJ

# UNIVERSALA VORTARO kaj OFICIALAJ ALDONOJ

En Decembro 1958 la AKADEMIO de ESPERANTO dissendis la unuan numeron de sia « OFICIALA BULTENO », kun la teksto de la SEPA OFICIALA ALDONO al « UNIVERSALA VORTARO ». Enkonduko informas, ke la Akademio decidis pri la *Fundamenteco* de la radikoj troveblaj nur en la tri unuaj partoj de la « *Fundamento de Esperanto* » (Antaŭparolo, kvinlingva Gramatiko, Ekzercaro). Unua listo entenas 118 Fundamentajn radikojn : 83 estas komunaj vortoj, 35 estas propraj nomoj. Atenta tralego de la *Fundamento* montris ~~: a)~~ ke aldonendas 7 komunaj vortoj (ADRES, CENTR, FRANK, JUR(IST), JURNAL, MATERIAL, OFICIAL) ; ~~b) ke inter la propraj nomoj BULONJ ne troviĝas en la *Fundamento* (en la Antaŭparolo D-ro Zamenhof ne nomis la urbon, sed parolis pri « la unua internacia kongreso de esperantistoj » ; en la Gramatiko kaj Ekzercaro troviĝas nomoj nur de ĉefurboj).~~ Plie en « Universala Vortaro » troviĝas ESPERANT (paĝo 2) kaj GENERAL, KILOGRAM (ekster la alfabeta vico). Tre zorga komputado de ĉiuj Fundamentaj radikoj, afiksoj kaj finaĵoj liveris la jenan rezulton : 2[illegible]+3+100+2628+3 = **2764**. Ekzistas unu homonimo (AŬGUST : monato kaj vira nomo) ; malgraŭ la indiko de « Plena Vortaro de Esperanto » ne ekzistas radiko PROCENT, sed kunmetaĵo PRO'CENT ; same FIRM'O ne estas nova radiko, sed FIRM substantivigita. Fine troviĝas en Ekzercaro GEOGRAFI, sed ne « geograf », nun oficiala.

Dua listo aldonas 16 radikojn al la jam oficialigitaj ; ĉiuj finiĝas per **-nom'** au **-log'** ; mankas en « Plena Vortaro » : ENTOMOLOG, ETIMOLOG, ETIOLOG, GENEALOG, METEOROLOG, MINERALOG, MITOLOG, ORNITOLOG, PALEONTOLOG, PATOLOG. Rimarko atentigas, ke en 1923 la tiama Lingva Komitato ŝanĝis la radikon ANALOGI(o) al ANALOG(a). Alia rimarko memorigas, ke EKONONOM havas tute alian sencon ol EKONOMIIST.

Tria listo oficialigas 14 radikojn, kiuj estas « analogaj agantnomoj respondaj al abstraktaj nomoj », ĉiuj grekdevenaj ; plie oni erare aldonis la radikon AŬTOKRAT (jam en la Dua O.A.). Mankas en « Plena Vortaro » : BIBLIOGRAF, ETNOGRAF, HOMEOPAT, KARTOGRAF, KOSMOGRAF, OLIGARĤ aŭ OLIGARK, PALEOGRAF, TEOKRAT, TIPOGRAF, TOPOGRAF.

Plurfoja komputado, zorge kontrolita, liveris la nombron de ĉiuj nun oficialigitaj radikoj : 809+587+189+118+1 (mis) +8+21+ 1 (end)+30=**1764.**

La fina sumo de la *Fundamentaj* kaj *Oficialaj* Radikoj estas do : 2764+1764=**4528.**

Inter la *Fundamentaj* Radikoj troviĝas plie 53 listigitaj en la Unua O.A. kaj 4 listigitaj en la Dua O.A. Ili do jam estis aldonitaj al la « Universala Vortaro » ; la Sepa O.A. listigis ĉiujn krom 9, plus unu propra nomo trovebla en UV ~~kaj unu alia ne entenata en la *Fundamento*~~.

Tiu ĉi « Oficiala Bulteno » plie konigas la proprajn nomojn, kiuj en UV troviĝas ekter la alfabeta vico ; kun la jam menciita ESPERANT, ili estas 11 ; plie 18 laŭorde aperas : ANUNCIACI, APRIL, AŬGUST, DECEMBR, DI, FEBRUAR, JANUAR, JULI, JUNI, KORAN (kvankam nur la nacilingvaj tradukoj havas majusklon), KRIST, MAJ, MART, MESI, NOVEMBR, OKTOBR, PENTEKOST, SEPTEMBR ; plus 33 ekster UV. Entute do : 11+18+33=**62** propraj nomoj en la *Fundamento* ; kaj **2702** radikoj, liternomoj, afiksoj, finaĵoj, konsistigas la ceteron. Neniun propran nomon ĝis nun oficialigis la Akademio ; espereble tio venos.

***

Jam en Septembro 1907 S-ro G. QUESTE aperigis liston en N° 165 de « LINGVO INTERNACIA », ĉar li « tre miris ekrimarki kelkajn vortojn en Ekzercaro, kiuj ne troviĝas en Universala Vortaro ». Tamen nek li, nek S-ro A. WACKRILL (« Zamenhofaj Vortoj », 1908), nek S-ro P. STOJAN en « Materialoj pri la Fundamento » (OFICIALA GAZETO, 1912, N° 41) liveris liston *kompletan*. Same la postaj vortaristoj ne trovis ĉiujn *Fundamentajojn*. Kvankam S-ro STOJAN rimarkigis en sia BIBLIOGRAFIO (1929, p. 453), ke « antaŭe oni tradicie nomis *Fundamentaj* nur la radikojn de la aboca ordo en UV, ne atentante, ke en ceteraj partoj de la *Fundamento* ekzistas aliaj *Fundamentaj* radikoj », li ne vidis, ke ankaŭ en UV oni preteratentis tri radikojn.

Apartan intereson prezentas la formiĝo de tiu esenca bazo de nia leksiko. Du gravaj, kvankam nun forgesitaj, vortaroj aperis jam en 1889. [Ambaŭ kompletigis la unuan kernon, kiu troviĝas en la « Unua Libro » (1887). La eldono « por rusoj », publikita antaŭ la aliaj, konservis spurojn de l'arĥaika stato de nia lingvo. D-ro Zamenhof listigis sur algluita folio 917 radikojn ; dek aliaj kaŝiĝis ekstervice : *general, episkop, kilogram, Aleksandr, Emili, Izrael, Mari, Miĥael, Turk, Varsovi*. Entute **927**. Krome 23 aliaj aperis en la broŝuro mem : *adres, altar, aŭtor, Bibli, sed, cenzur, doktor, esper* (anstataŭ la nuligita per eratumfolieto « *sper* »), *kopek, litograf, maj, milion, naci, person, prez, propon, publik, rus, sceptr, soci, Silver, tipo(graf), tron*, En la teksto oni legas *kron'* anst. *koron'*, kaj *vink'* anst. *venk'* ; en la vortaro kelkaj radikoj havis arĥaikan sencon : milit = batal ; stal = ŝtal ; ŝtof = substanc, materi ; tomb = fal ; vaks = kresk ; *erar'* signifis ankaŭ « vagi » ; *fork'* tradukiĝis ankaŭ per « forkego »].

Fortan influon sur la konsiston de « Universala Vortaro » (N° 64 de nia verkaro) havis la jam aluditaj, antaŭe aperintaj « Plena Vortaro Rusa-Internacia » (N° 17) kaj « Meza Vortaro Internacia-Germana » (N° 21). La « stereotipa eldono 1910 » de l'rusa vortaro, kiun citas la « Zamenhofa Radikaro » kaj la « Originala Verkaro » estas ne originalo, sed kvina eldono. Tial ĝia antaŭparolo devus troviĝi en O.V. tuj post la antaŭparolo de « Aldono al la Dua Libro », ĉar tiu unua ampleksa (232 paĝa) nacia vortaro aperis jam en 1889 ; ĝi enhavis, krom pure rusaj aŭ orientaj vortoj (*hetman, kozak, rubl, sevrug*, nun oficialaj ; *anker, arŝin, barank, ĉetverik, desatin, hajduk, ĥan, jesaul, kalaĉ, kreml, kumis, murz, sajk, sarafan, verŝok, vojevod, zolotnik*), multe da vortoj, mankantaj en la « Meza Vortaro », ĉar « ili estas egale uzataj en ĉiuj lingvoj kaj per si mem konataj de ĉiuj ».

Entute **485** radikoj, troveblaj en la unua rusa vortaro, mankas en U.V. La « primitiva » Esperanto ne estis tiel malriĉa, kiel iuj nun kredas !

Inter la tieaj arĥaismoj : *desatin* (aera mezuro) = 2400 kvadrataj *fademoj* (t.e. klaftoj) kaj *skval* (= ŝark), kiu mankas en la Zamenhofa parto de la « Radikaro » de S-ro Wuster, (kiu plie ne rimarkis, ke tiam *arĥitekt* = nuna *arĥitektur*, kaj ke « kronologi » estis « *ĥronologi* »).

La transskriboj « jesaul » kaj « vojevod » elokvente pruvas, ke sola korekta estas la analoga « *sovjet* » (cetere trovebla en la Zamenhofa traduko de la « Gimnazio » de Ŝalom Alejĥem, p. 60) anstataŭ la fuŝa transliteraĵo « *sovet* », sklave kopianta la originalan nefonetikan ortografion. Laŭ « *soviétique, soviet, sovietico, sowjet, szovjet, sovjetski* », ktp. ankaŭ en Esperanto oni *devas* adekvate apliki la saman sistemon, konforme al la principo de internacieco kaj la Zamenhofa modelo, anstataŭ persiste erari uzante meĥanike faritan *kalkeon* (A.F. calque ; R. kal'ka ; I. calco).

La tuj poste aperinta « Meza Vortaro », preskaŭ identa je la germana parto de UV, profitis la laboron faritan por la rusa vortaro ; danke ĝin nia lingvo riĉiĝis je kelkaj slavaj radikoj, inter kiuj la Fundamentaj *barĉ, ĉerp, kartav, klopod, kolbas, krom*, antaŭe ne menciitaj.

Komparo inter MV kaj UV montras la jenajn diferencojn : en 1889 troviĝis kelkaj vortoj, kiuj malaperis en 1894 : *anker, antilop, cian, fotograf, hemorojd, ĥameleon, ĥan, kalkan'um*) sed mankis aliaj (*abon, azot, barĉ* kaj la tabelvorto *ĉiel*). Krome « mezonombre » fariĝis « mezonombr », kaj pluraj kunmetaĵoj forlasis aŭ eniris la alfabetan vicon. « Koran » havis majusklon, kiun ĝi poste ial perdis ; kaj en ĉiuj vortaroj, inkluzive de la unua eldono de UV, troviĝas ĉiam la formo « *vip(E)r* », kio pruvas, ke la « *u* » rezultas nur de bedaŭrinda preseraro, kiun D-ro Zamenhof ne rimarkis. *Kiam do la Akademio havos la kuraĝon korekti la restantajn preserarojn ?*

*
* *

Por sekurigi la unuecon kaj evolucion de Esperanto, D-ro Zamenhof proponis la kreon de Lingva Komitato (1905), kiu baldaŭ formiĝis kaj eklaboris. La ĉefa rezulto estas la oficialigo de radikoj kaj afiksoj, ne troveblaj en Universala Vortaro, kaj nun en la tuta Fundamento.

Post la apero de l'Unua O.A. prof. Carlo Bourlet, mirigita pro la tiama nealpreno de *diplomati*, trovebla en la Ekzercaro, rimarkigis en « LA REVUO » (N° 37, Sept. 1909), ke « oni akceptas *geografi, geologi, geometri*, kc. ; kaj li prave demandis « ĉu per la dirita analogio ni rajtas uzi *geograf, geolog, geometr ?* » (Nun, jes ; ĉar *geolog* oficialiĝis en 1922, kaj la aliaj en 1958). Kaj li daŭrigas : « Se la Akademio, anstataŭ hazarde oficialigi izolitajn vortojn, farus pli profundan laboron por studi la *seriojn*, ĉu ĝi ekzemple akceptus la vorton *federacio ?* Eble pripensado montrus al ĝi, ke la verbo *federi* jam oftege uzata, ebligus pli facilajn kaj pli simplajn devenajn vortojn ? *federi, federo, federa, federe* ». Tiu saĝa konsilo, ho ve, restis sen-eĥa, kvankam radikoj mallongaj, senbalastigitaj de pezaj pseŭdosufiksoj estas certe pli facile kaj agrable uzeblaj : *aboli, apelo, komenti, proleto, spont(an)a* estas evidente preferindaj.

Prof. Bourlet tiele konkludis : « *la metodo de la blua krajono* ne sufiĉas ; de la Akademio ni esperas, ke : 1e ĝi donos al ni ne izolajn vortojn, sed *seriojn da vortoj* zorge pripensitaj kaj studitaj por atingi la plej grandan internaciecon, simplecon kaj oportunecon... 2e ĝi donos al ni, se ne leĝojn aŭ regulojn, almenaŭ bonajn konsilojn pri la plej taŭga maniero por esperantigi naciajn vortojn... »

La lasta O.A. iom malgrandigis la regantan ĥaoson, sed multo restas farenda por koherigi kaj kompletigi nian leksikon. En 1909 oni ĉefe akceptis radikojn, kiujn S-ro Wackrill listigis en siaj « Zamenhofaj Vortoj ». Tamen oni ne rimarkis, ke inter ili enŝoviĝis radikoj el la « Fundamenta Krestomatio », kiuj ne estis Zamenhofaj. Ekzemple oficialiĝis *komisar*, ŝuldata al iu Dumpert, kvankam D-ro *Zamenhof* iom antaŭe deklaris : « se oni deziras scii, kian tradukon **mi persone** rekomendus por tiu aŭ alia vorto... mi konsilas serĉi en la vortaroj esperanta-germana kaj germana-esperanta », kiuj aperis sub lia redakto. Tie, same kiel en « Rusa-Esperanta Vortaro » de D-ro Korzlinskij, trarigardita de D-ro Zamenhof, troviĝas nur *komisari'*. La oficialigita formo estis pura arĥaismo. S-ro H. Huet ĝin indikis en sia « RAPORTO » (1907 ; presita en 1911, p. 40) ; bedaŭrinde, kiel rimarkis prof. Bourlet, « la tre interesan komparan studon... valorplenan, *metode* faritan, gravegan laboron (de S-ro Huet)... oni enterigis ». Ne por ĉiuj, feliĉe !

Same akceptiĝis *budĝet*, meĥanika kalkeo de l'angla « budget », (kiu cetere devenas de malnovfranca « bougette », saketo iam uzata de kasistoj), kvankam la fonetiko de nia lingvo certe postulas la formon *buĝet*.

Estas dezirinda plena asimilo de ĉiuj pruntoj, laŭortografie kaj laŭstrukture. Malgraŭ sia propra modera aglutinemo Esperanto devis ĉerpi sian leksikon en la fleksistruktura hindeŭropa lingvaro, kio kaŭzis evidentan kolizion, ĉefe pro la ekzisto de neesperantaj afiksoj (*praafiksoj*) ; inter ili kelkaj (*aĉ, ism, mis, end*) jam iĝis oficialaj, sed tio tute ne sufiĉas.

D-ro A. Albault notas tre ĝuste en sia recenzo de l' « Granda Vortaro » de prof. Waringhien (« Fr. Esp-isto », N° 181, p. 14), citinte la sufiksojn *-atoro* kaj *-iko*, ke « la lingvo perdus sian ekvilibron, se, riĉiĝante per radikoj, ĝi tute preteratentus la grandan riĉon, kiun liveras la afiksoj ». Fakte la ordinara lingvo akiras iom post iom komunuzajn afiksojn kaj la teĥniko enkondukas aliajn ; nia literaturo ĉerpas el ambaŭ. Oficialigindaj do estas kaj ordinaraj kaj specialaj afiksoj ; sed eĉ tiam la tuta problemo ne solviĝos. Multaj pruntoj enhavas *praafiksojn* ; kion fari kun ili ? Se vorto povas funkcii *sen* la heredita afikso, t.e. konservas la saman sencon kaj ne identiĝas al jam ekzistanta vorto, oni ne hezitu simple **elimini** tiun pezaĵon.

Se praafikso povas riĉigi la lingvon, tiam necesas sistemigi ĝian uzon, farante ĝin ordinara afikso aŭ, se tio ne eblas, utilus krei novan kategorion : laŭ la propono de D-ro C.A. ten Seldam (« Esperantologio », vol. I, p. 145-151) la Akademio povus akcepti — apud niaj deriviloj kaj vortfariloj — aron da **afiksoj-analiziloj** (kvazaŭafiksoj), kiuj ebligus interligi etimologie parencajn vortojn, t.e. malaperigi la « orfajn derivaĵojn », kies ekziston en nia lingvo oni prave kritikis ; tia *normigita* sistemo multe koherigus Esperanton, tiel faciligante ĝian lernon, kaj aparte utilus en la scienca-teĥnika kampo.

Paul CILIGA.

# VIVO DE LA GRUPOJ

*La Redakcio akceptas nur tajpitajn tekstojn en korekta Esperanto. Ni povas aperigi nur kliŝojn, sed NE simplajn fotojn.*




*F-ino J. Kajino inter (de dekstre) S-ino Chevierry, prezidantino de la Angers-a grupo, s-ro Lebreton, reprezentanto de la urbestraro, s-ro de Morand, kuratoro de la urbaj muzeoj kaj s-ro A. Frangeul, sekretario de la grupo. Ili admiras unun el la multaj paneloj dum la inaŭguro.*

**LA JAPANA EKSPOZICIO EN ANGERS.**

La ekspozicio, malfermita dum dek tagoj, ricevis la viziton de preskaŭ 2.000 personoj.

La Akademia Inspektoro sendis cirkuleron al la estroj de la duagradaj lernejoj kaj pro tio, ni akceptis grupojn de gejunuloj kun profesoroj.

Kelkajn tagojn antaŭe okazis intervjuo en Radio-Rennes kaj ni vaste propagandis en la ĵurnalaro.

Por la inaŭguro ni invitis diversajn eminentulojn : ĉe la pordo de la salonego estis banderolo kaj tre bela panelo ilustrita, kun la surskribo : « JAPON D'HIER ET D'AUJOURD'HUI — Ouvert jusqu'au 26 Octobre — Une présentation du « Cercle Esperanto ».

Ni devas mencii, ke la salonego situas ĉe la ĉefa urba bulvardo kaj, tra la malfermita pordego, la promenantoj povis ekvidi funde de la ĉambrego ekranon sur kiu, PRESKAŬ SENĈESE, ni projekciis filmojn 16 mm. pri Japanio ricevitajn de la Japana Ambasadorejo kaj de « Centre Culturel Américain » de Tours.

Plie, ni disponis pri sonbendoj kaj diskoj de

japana muziko. Tiuokaze, ni povis konstati je kioma grado, la « bruo » kaj la movaj bildoj estas ABSOLUTE NECESAJ por altiri niajn nuntempulojn.

Ili estis enirantaj kvazaŭ ensorĉitaj... kaj NUR POSTE interesiĝis pri la ekspozicio mem kiu, cetere, estis empleksa kaj bela.

Temoj : « Pejzaĝoj », « terkulturo », « industrio », « arto moderna kaj malnova », « spektakloj », « la japana virino », « taga vivo », « lernejoj kaj edukado » (kun prezento de studlibroj por infanoj, kolekto « La Infanoj de la mondo ktp ») « gazetaro-informado-radio », « transportrimedoj » « Hirosima », « la arto de la bukedoj » ; « la modo », « sportoj », « tradicioj », « kutimoj, religoj », « filatelio » « temploj » kaj komprenebIe : « Japanio kaj Esperanto » (kun teksto kaj prezentado de revuo kaj libroj en Esperanto). Plie, estis objektoj en kvar vitrinoj.

La tre belaj fotaj paneloj de la japana ambasadorejo multe kontribuis al la sukceso. La ĉambrego estis ornamita flore de la urba ĝardena oficejo.

Ni ankaŭ disdonis senhalte propagandilojn kaj metis afiŝon pri la komenco de la kursoj (kaj « Japana vespero »)

Parto de la materialo estas la propraĵo de la grupo de Angers kaj povos esti pruntedonita al la aliaj grupoj (1). Eĉ post pago de la kostoj, profiteto restas en nia kaso ĉar ni mem laboris kaj estis helpataj de amikoj.

Bonŝance, la ekspozicio koincidis kun la vizito de F-ino Joŝiko Kaĵino. Proksimume 200 personoj ĉeestis ŝian vesperon (la ĉambrego estis plenplena). La eniro esti senpaga ĉar propaganda vespero al la kursoj. F-ino Kaĵino ricevis monon de la personoj, kiuj deziris ŝian subskribitan bildkarton.

Ni sendis ĉiujn gazetraportojn (kun — poste — fotoj kaj dankletero) al la Kultura Ataŝeo ĉe japana ambasadorejo. Poste, ni sendis informleteron kun ĵurnalaj eltondaĵoj al :

— Fédération des Clubs UNESCO (franca Komisiono de UNESKO) kaj al

— UNESKO (Division des Echanges Culturels internationaux — département des activités culturelles). — Ni zorge substrekis, ke nia ekspozicio estis organizita konforme al la nuna programero de UNESKO pri « reciproka aprezo de la kulturaj valoroj inter Okcidento kaj Oriento ». Ni ankaŭ sendis ĵurnalojn al S-ro Lapenna kaj al S-ro Thierry. Nun, ni sendas raporton (kun foto) al diversaj Esperanto-gazetoj.

La unuagrada kurso komenciĝis kun 31 gelernantoj kaj duagrada kurso refunkcias.

---

(1) Por ĉiuj informoj skribu al S-ro A. Frangeul, 42, rue du Pré-Pigeon, Angers (M.-et-L.).

### ALGERIA FEDERACIO.

La Federacio progresas malrapide pro la tieaj cirkonstancoj. Tamen ni diskonigis nian Movadon pere de la radio kaj gazetoj kaj per disdono de dokumentoj en la Altlernejoj kaj Seminarioj.

La anoj de UEF loĝantaj en Alĝerio kaj Saharo, kaj ankaŭ la armeanoj servantaj aŭ servontaj tie estas petataj konigi sin al la Federacia sekretario : F. JELENC, UEF, Fédération d'Algérie et du Sahara, 24, rue de Cascogne, Maison-Carrée (Alger). CCP ALGER 178-13.

### INSTRUADO DE ESPERANTO EN AUBENAS.

La kursoj, sekvataj de multaj urbanoj, kiuj deziras korespondi kun la loĝantoj de la ĝemeligitaj urboj (Schwarzenbeck, Germanio ; Zelzate, Belgio ; Sierre, Svislando ; Delfzijl, Nederlando ; Cesenatico, Italio), okazas denove tiun jaron, danke la sindoneman profesoron, S-ron Pierre Jayer, kiu ĉiusemajne gvidas kurson por komencantoj kaj ankaŭ superan kurson.

Oni profitas ĉiujn okazojn por daŭrigi intereson de la gelernantoj kaj interesi la ne-esperantistojn. Tial, jaŭdon, 5an de februaro, ni havis la plezuron ĉeesti rimarkindan manifestacion okaze de la alveno de F-ino Joŝiko Kaĵino, japana ĵurnalistino, kunlaborantino de unu el la plej gravaj japanaj gazetoj, kiu presas ĉiutage 8 milionojn da ekzempleroj. La esperantista Grupo en Aubenas estis anoncinta per afiŝoj kaj gazetaro tiun manifestacion, kiu okazis en Cinéma Rex. Ceestis S-roj Molle, Urbestro, S-ro Le Bournot, Prezidanto de Turisma Oficejo, kaj plena salono. En la programo : prezentado de tipaj japanaj dancoj, fare de F-ino Kaĵino, vestita per belega kimono kun brodītaj floroj. Poste ŝi prezentis sian landon, ilustrante sian paroladon per belaj koloraj bildoj. Ĉiuj ĉeestantoj estis ravitaj de la afableco kaj ĉarmeco de nia samideanino. En la dua parto : tre bela filmo pri Japanio « La Porte de l'Enfer », premiita en Festivalo de Cannes (Kanno).

Laŭ ĉiuj vidpunktoj, bonega sukceso. Taŭga propagando interesis la ĉeestantojn.

Antaŭe, dum la posttagmezo, unua prezentado kunigis la gelernantojn de la urbo, kiuj bedaŭrinde ne povis ĉiuj ĉeesti, pro manko de sidlokoj !

Vendredvespere S-ro Jayer invitis la korespondantojn de la diversaj gazetoj kontaktiĝi kun ilia kolegino de Tokio kaj la esperantistoj de Aubenas.

Sabate, kun siaj geamikoj F-ino Kaĵino vizitis Vals, speciale la Centron de Diabetologio, kie jam kelkaj decidis lerni Esperanton kaj estis ankoraŭ kuraĝigitaj danke tiun konatiĝon kun alilanda esperantistino. Antaŭ sia foriro F-ino Kaĵino proponis ĝemeliĝon de Aubenas kun japana urbo. Kial ne ?

S. M.

## EN CLERMONT-FERRAND KAJ THIERS.

La unuan de Decembro la grupo « Konkordo » kunvenis en la « Komerca Cambro » por disdonado de diplomoj al la gelernantoj ; okaze de tiu manifestacio fraŭlino Wagner, germana studentino en la Klermonta Universitato parolis pri la Universala Kongreso en Majenco, kiun ŝi partoprenis kaj kiu entuziasmigis ŝin ; ŝi finis sian prelegon invitante ĉiujn ĉeestantojn partopreni la venontan kongreson en Varsovio.

Sinjoro Michel, vic-prezidanto de la grupo, kiu gvidas kurson en fabriko Michelin, prezentis kolorfotojn (diapozitivojn) pri Hispanio, kiun li trapasis dum libertempoj kaj kie li ofte renkontis esperantistojn.

Samideano Gaston Vidal, abelbredista fakdelegito, prezentis diapozitivojn pri abelbredistaj kursoj, organizataj de Agrikultura Ministerio ĉiujare. En tiuj kursoj li renkontis esperantistojn kaj parolis pri la kora akceptado de fakdelegitoj en diversaj urboj.

La 14-an de Decembro la grupoj de Clermont-Ferrand kaj Thiers festis la datrevenon de Zamenhof en la ĉefurbo de tranĉilfabrikado (1).

Matene « Thiers Esperanto » dum sia ĝenerala kunveno faris bilancon de la esperantistaj aktiĵoj (kurso en metia lernejo gvidata de Teĥnika Profesoro Dessapt kun 45 lernanoj, publika kurso, aliĝo al kongreso en Varsovio kun jam ses aliĝintoj).

Tagmeze, en strato Zamenhof, la grupoj deponis florgarbojn, kiel tio okazas jam de multaj jaroj.

Dum bankedo bone servita en restoracio Varenne, Sinjoro Mayet, profesoro en Thiers, faris interesan paroladon pri la kreinto de nia lingvo kaj pripensigis la ĉeestantaron pri la graveco de tiu kunveno, kiu malfermas la « Centjaran datrevenon ».

Sinjoro Lacour prezentis filmojn, kaj loterio alportis monon en la propagandkason, fraŭlino Wagner, juna esperantistino, bone raportis pri la Majenca U.K. ; tiu memorinda tago finiĝis per vespermanĝado ĉe gesamideanoj Nugère.

Sinjoro Brelurut, sekretario de la grupo Konkordo en Clermont-Ferrand, promesis al S-ro Dessap, sekretario de Thiers-Esperanto, organizi esperantistan feston en aviadilstacidomo Clermont-Aulnat dum venonta printempo.

## LE HAVRE.

Dum la jaro 1957-58, S-ino Lavallée gvidis du kursojn por geinstruistoj (entute 7 lernantoj).

---

(1) Demandu la gvidlibreton pri Thiers kun Esperanta resumo ; Turisma Oficejo, Urbodomo, Thiers, Puy-de-Dôme, Francujo.

## LILLE : « Cliché Nord-Eclair ».

**Le quotidien « Nord-Eclair », de Lille, publie chaque semaine des articles sur l'Esperanto dans le Nord. Certains de ces comptes rendus sont illustrés de photos.**

**A ce sujet, nous remercions Nord-Eclair d'avoir bien voulu nous envoyer le cliché de la « Soirée Japonaise » paru dans notre numéro 181.**

---

Danke la agemon de la Norfranca Esperantista Federacio, la interncia komerca foiro de Lille dediĉis informan budon al la Esperanto-Movado.

Esperantistoj rajtis eniri senpage por viziti la budon kaj partopreni la Esperantistan tagon, kiu okazis dimanĉe la 12an de Aprilo.

Gratulon al la organizintoj kaj sindonemaj deĵorintoj.

## LE MANS.

« Loisirs et Culture », bulteno de la « Comité d'Etablissement de la Régie Renault », publikigas artikolojn, kiuj pruvas la aktivecon de la Esperantista Grupo (80 anoj) en tiu entrepreno. En la Junia numero : troviĝis longa artikolo pri diversflankaj praktikaj uzoj de Esperanto. La numero de Julio-Aŭgusto raportis pri letervespero kaj anoncas tre interesan kurson por Septembro : 1h20 ĉiutage dum tri semajnoj. Kursoj ankaŭ komenciĝis en Oktobro.

Kun la lokaj societoj, la uzinaj kluboj devus ludi gravan rolon en nia movado. Esperantistaj laboristoj kaj oficistoj de diversaj entreprenoj sekvu la ekzemplon de la Renault-anoj en Le Mans.

## ESPERANTISTA ASOCIO DE MADAGASKARO (E.A.M.).

Liste des membres du bureau (Assemblée du 23 Mars 1959) :

Président : Randrianasolo Gervais, Ministre de la Production.

Vice-Président : Bourgeois Maurice, Expert-comptable, 176, route circulaire, Tananarive.

Secrétaire : Rousseau Henri, Adjoint Technique Ponts et Chaussées, D.I.A. Travaux publics, Tananarive.

Secrétaire adjoint : Ravohitra Germain, Etudiant en Droit.

Trésorier : Ramanitra Henri, Employé.

1er Assesseur : Rasoanaivo Frederiko, Instituteur, lot 10-33 Isotry Tana.

2e Assesseur : Rabesahala Hugues, Etudiant.

## MONTPELLIER.

Esperantista Grupo naskiĝis en Montpellier. Kunvenoj regule okazas ĉiujn unuajn lundojn de la monatoj, 34, rue de l'Université, Montpellier.

Dum la kunvenoj vi povas paroli pri diversaj temoj, kanti ludi, eble babili kun alilanda samideano, pruntepreni librojn gazetojn, revuojn... kompreneble Esperantajn !

La fond-kunveno okazis la 9-an de Marto : ĝi elektis la estraranojn :

**Honora Prezidantino :** S-ino Carrière.
**Prezidantino :** Fraŭlino Hortolan.
**Sekretariino :** F-ino Yvette Vierne.
**Help. Sekretariino :** F-ino Yvonne Bonnefous.
**Kasistino :** Simone Carrasco.
**Help. Kasisto :** D-ro J. Boulogne.
**Eksteraj Rilatoj :** S-ro Lentaigne.
**Bibliotekistoj :** S-ro Mourgues. Marguerite Ruiz.

Jam estas plano de la agadoj por la regiono.

La 19-an de Aprilo okazis renkonto en Pézénas kun la regionaj esperantistoj.

La 21-an de Junio renkonto en Primecombes apud Sommières (Gard).

Por ĉiuj informoj, sin turni al :

Groupe Espérantiste, 5, rue Docteur-Roux, Montpellier.

## NICE.

La Nica Esperanto-Grupo kunvenas ĉiusabate ĉe Trinkejo TERMINUS, 9, avenue Thiers, kontraŭ la ĉefa stacidomo. Tie la grupo ofte havas la okazon akcepti ekstelrandajn kaj enlandajn esperantistojn : ekzemple la familion Mataŝin el Sidnejo, F-inon Joŝiko Kaĵino el Yokohama, S-inon Van Hersecke el Norda Francio, S-ron Boudtard el Orléans, nun soldato en Antibes, S-ron Simpkins, la ĉiam vojaĝantan « universalan viron », kiel li sin nomas, Ges-rojn Culbert el Seattle (Usono). Dum Januaro prelegis kun lumbildoj kaj japanaj hantoj F-ino Kaĵino, en Nice kaj en sanatorio apud Menton. Ĉeestis granda nombro da personoj. Raportis la gazeto « Cannes-Nice-Midi » kaj la ĵurnalo « L'Espoir ».

La 25-an de Januaro anoj de la grupo kun F-ino Kaĵino iris al la skistacio Limone Piemonte, ĉe la italfranca limo, por renkonti la Torinan Esperanto-Grupon. Tie ni renkontis ties vicprezidanton S-ron Gratapaglia kaj lian germandevenan edzinon. Ĉeestis ankaŭ D-ro Canavero, Delegito de UEA, kaj D-ino Luciana Forneris, redaktorino de l'itala gazeto « **L'Esperanto** ». De la 14-a de Februaro ĝis la 2-a de Marto okazis esperantista ekxpozicio, organizita de la Nica grupo, en la Nica Internacia Foiro. Tie plej ofte deĵoris angla esperantisto, S-ro Simpkins. Multaj informiloj estis disdonitaj. S-ro Simpkins interesigis pri Esperanto junajn skoltojn, kiuj intencas uzi Esperanton por varbi eksterlandajn skoltojn al internacia skolta tendumejo.

R. Debernardi.

## NORMANDA FEDERACIO.

S-ro Marcel Bosc, Honorprezidanto de Normanda Federacio, ĵus ricevis de la Ministraro la Ordenon « Mérite Touristique » pro « taŭgaj servoj al franca Turismo tra la tuta mondo NUR PER INTERNACIA LINGVO ESPERANTO ».

## PARIZA REGIONO.

La Urbestro de La Garenne anoncis, per oficialaj afiŝoj, al la urbanoj ; kurson por komencantoj (eke de Novembro) kaj perfektigan rondon (eke de Oktobro). 5 lernantoj ĉe la unuagrada kurso, 8 anoj ĉe la perfektiga rondo.

La Urbestro de Courbevoie petis la grupon de La Garenne malfermi kurson en tiu urbo.

Ĉiuj esperantistaj grupoj pripensu siajn rilatojn kun la oficialaj instancoj.

Kurso komenciĝis dum Oktobro en La Ferté-Gaucher.

## RENNES.

S-ro Robert Martin nun estas agregacia profesoro pri angla lingvo. Gratulojn.

## ROMANS : Grupo BONA STELO.

Sukcesis Ateston pri Lernado :

F-inoj Loubatière Danielle, Morel Micheline, Michelon Annie, Pérez Lydie, Tezier Françoise, S-roj Fave Albert, Grimaud Marcel, Guillermond Henri, Junillon Jean-Noël, Sarrion Albert.

## ROUBAIX.

Dum elsendo pri amatoraj magnetofonaj programoj, la Franca radiofonio utilis sendaĵon de klubano. Temis pri la Esperant-lingva invito de S-ro Dworakowski, ĉefurbestro de Varsovio. La komentisto — S-ro Jean THEVENOT — samokaze atentigis la aŭskultantaron pri la proksima universala kongreso. La ĵurnalo « Nord-Eclair » favore menciis tiun iniciaton.

**LA KLUBO EN SAINT-ETIENNE** akceptis fraŭlinon Joŝiko Kaĵino mardon 16-an de Decembro ; ŝi restadis en la urbo la tutan semajnon. Danke fervoran samideaninon, kiu organizis publikan prelegon en St-Paul-en-Jarez, urbeto je 20 km St-Etienne, F-ino Joŝiko Kaĵino sukcesis interesi pli ol 200 kunvenintoj, prezentante sian

programon. Estis grava evento en tiu loko por Esperanto ; tie grupo ekĝermas.

Bedaŭrinde, pro ŝtormvento, malpli sukcesa estis la sama prezentado en St-Etienne, en la novkonstruita supraja kvartalo Beaulieu-le-Rond-Point, la 19-an vespere, nur 50 ĉeestantoj. Tamen la lumbildoj, dancoj, eksplikoj de la afabla kaj gracia esperantistino el Japanio vekis gravan informiĝemon pri nia Movado.

### SUD-OKCIDENTO.

Dum tri tagoj, komence de Novembro 1958 okazis en Libourne la kongreso de la Sud-Okcidenta Federacio, kiun partoprenis 60 esperantistoj. Konferencon pri Esperanto, faritan de Pierre Babin kaj André Ribot, ĉeestis multnombraj universitatajranguloj. La gazeto « Sud-Ouest » publikigis detalan raporton.

### SOCIETE TOULOUSAINE POUR L'ESPERANTO

83, avenue Jean-Rieux **(Toulouse)**

La Société Toulousaine pour l'Esperanto a inauguré l'année Zamenhof par deux manifestations pleinement réussies : une « Exposition du Livre Esperanto » et une « Soirée Japonaise ».

De plus le cadre des circulaires que la Société éditait jusqu'alors s'étant avéré insuffisant pour manifester son activité, il a été décidé de créer un bulletin « Tuluza Stelo » qui sera non seulement l'organe officiel de la « Société Toulousaine pour l'Esperanto » mais aussi celui de la « Fédération Toulouse-Pyrénées » qui pourra ainsi reprendre quelque activité. Bulletin bilingue ronéotypé, très bien présenté et en deux couleurs.

Voici quelques extraits de ce bulletin daté du 7 mars 1959 et reçu par notre rédaction :

#### Exposition du Livre Esperanto

Du 19 au 24 Janvier notre Société présentait son Exposition du Livre Esperanto dans la Galerie Ingres aimablement mise à notre disposition par M. REDONNET, Directeur du Centre Régional de Documentation Pédagogique, 3, rue Roquelaine.

Une quinzaine de vitrines donnaient une sélection d'ouvrages en Esperanto (grammaire et études linguistiques — littérature traduite : prose et poésie — littérature originale : prose et poésie — littérature scientifique — littérature enfantine — littérature et dépliants touristiques). Les murs étaient agrémentés de quelques graphiques et surtout des deux séries de photos-affiches de l'UNESCO avec textes en ESPERANTO.

Le lundi à 11 h. M. DOTTIN, Recteur d'Académie, inaugurait l'exposition et, visiblement impressionné, pouvait nous dire entre autres :

...« Les professeurs de langues devront s'habituer à l'idée qu'à côté des langues vivantes nationales, il existe désormais une autre langue vivante : l'Esperanto »...

...« Les portes de l'Université vous sont ouvertes... à vous de savoir y pénétrer ; le succès définitif de l'Esperanto n'est plus qu'une question de temps »...

...« Vous êtes comme une nouvelle sorte de révolutionnaires et vous avez su trouver le moyen de supprimer la malédiction de Babel »...

Ajoutons que « LA DEPECHE », sous la plume de P. Aymard, publia un reportage (avec photos) très intéressant sur l'exposition et son inauguration, dans son édition du mardi 20 Janvier. De plus l'édition du soir publiait une photo (différente) commentée.

### FEDERATION TOULOUSE-PYRENEES.

La fédération est en sommeil depuis quelques mois. Il est entendu également depuis quelques mois que la Société Toulousaine pour l'Esperanto, provisoirement au moins, fonctionnera en quelque sorte comme centre de ralliement pour la fédération.

C'est avec la mise sur pied de ce bulletin que ce rôle va pouvoir devenir effectif. Notre intention est d'inciter à organiser des rencontres intergroupe, ou encore des soirées de propagande sur l'Esperanto, ou lorsque cela sera possible des soirées culturelles rendues possibles par l'Esperanto (Soirée Japonaise !). Les groupes locaux, ou même les isolés trouveront toujours l'appui de la Société Toulousaine pour l'Esperanto, chaque fois que cela sera possible. Ne manquez pas de faire un effort pour être à l'une de nos prochaines réunions ou sorties :

**28 Juin :** excursion à St-Ferréol. (Précisions dans « Tuluza-Stelo » n° 2 — groupes et isolés : écrivez-nous !).

Signalons qu'au Congrès de l'UEF (à Bordeaux), la fédération était représentée par le Docteur ALBAULT, président de la Société Toulousaine. Profitons-en pour ajouter que tous les membres de la Fédération et de la Société Toulousaine, devraient être membre de l'Union Espérantiste Française. Soyez au moins membre à 100 frs ! ! (vite un chèque au C.C.P. de la Société Toulousaine !).

N'oubliez pas de nous envoyer 200 frs comme membre sympathisant à la Société Toulousaine, si vous désirez continuer à recevoir le bulletin : Société Toulousaine pour l'Esperanto. C.C.P. 1836-67 Toulouse.

⁂

**RIMARKO :** *malgraŭ nia insista peto en N° 181 iuj grupoj tamen ne sendas al ni siajn raportojn en Esperanto (por ke ili provu esti legataj ankaŭ eksterlande). Ni aperigas ilin ĉi tie nur post peto de S-ro A. Ribot. Same ni petas kliŝojn, NE fotojn.* (Red).

## NOVA GRUPO FONDIĜIS EN VIERZON.

La Esperantista grupo en Vierzon (Cher), fondita en februaro 1957, iniciate de tri samideanoj, enkalkulas nun 20 membrojn. Ĝi organizis ekspozicion, fine de Septembro, en la Urbdomo : pri ĝi raportis « Le Berry » kaj « La Nouvelle République ». Kurso funkcias eke de la 1-a de Oktobro. La lokaj societoj estas la kerno de nia Movado. Ankoraŭ izolitaj samideanoj komprenu tion kaj imitu la Vierzonanojn.

## VILLENEUVE-LEZ-AVIGNON.

Fraŭlino Joŝiko Kaĵino, korespondantino de la ĵurnalo Yonuri-Shindun el Tokio sukcese prelegis. Je tiu prelego oni notis la ĉeeston de S-ro Sagnes, Conseiller général du canton de Villeneuve, Ges-roj Silhol du Comité de la Croix-Rouge kaj granda parto de la instruitaro de Avignon kaj Villeneuve, kaj pluraj inĝenieroj de la atomcentro el Marcoule.

Sinjoro MOTTO, helpstaciestro en Avignon, tradukis la parolojn de fraŭlino Kaĵino.

Multe da demandoj pri diversaj temoj : manĝejo, dancoj, vivo, junularo.

Fine de la prelego kelkaj personoj petis de S-ro Simonot, instruisto en nia grupo, informojn pri la Esperanto Kurso.

Ĉirkaŭ 200 personoj respondis al nia invito kaj artikolo kun fotobildo de la prelegantino kaj de le ĉeestantaro aperis en loka gazeto.

Laurent Dailliez.

## VIRE.

S-ro Saperas gvidas kurson al ĉirkaŭ tri dek gelernantoj (naŭjaraj) el unuagradaj gimnaziaj klasoj en la klasĉambro de la gimnazio.

## OKCIDENT-ORIENTA ADOPTA SERVO.
### Il manque un Maillon à la Chaîne

Les demandes d'adoption continuent d'affluer d'Europe Centrale et Orientale. O.O.A.S. n'y suffira bientôt plus.

Chers Camarades, proposez votre parainnage. Faites-vous inscrire.

Déjà, grâce à vos offres, quantité de journaux, de revues et d'ouvrages franchissent les frontières de l'Est. Fidèle à sa mission l'Esperanto rétablit le contact.

Aujourd'hui un médecin de Budapest nous demande « Medicina Revuo », pubié au Japon. Qui pourrait la lui procurer, soit directement, soit par l'intermédiaire d'un correspondant japonais ?

L'occasion est belle de boucler votre chaîne d'entr'aide autour du monde.

Ecrire à *André Tribouilard*, 7, rue Blanqui, Le Pré St-Gervais (Seine).

## MAISON CULTURELLE ESPERANTISTE.

Nous rappelons que le château de Grésillon appartient à *tous les Espérantistes*. Pour l'Eté 1959 on y organise les *séjours suivants :*

1re période : Du 14 Juin au 1er Juillet : Repos. Cours pour débutants — Activités diverses.

2e période : Du 1er au 14 Juillet : 2 cours d'Esperanto (1er et 2e degré). Activités diverses.

3e période : Du 15 Juillet au 1er Août : Rencontre culturelle et touristique internationale.

4e période : Du 2 au 23 Août : 3 Cours d'Esperanto — Conversations — Reliure — Vannerie — Danses — Chants.

5e période : Du 23 Août au 6 Septembre : Cours pratique d'Esperanto, sous la direction de M. RIBOT. Séjour organisé par l'U.E.F.

6e période : Du 6 au 16 Septembre : Possibilité de séjours de repos.

N'oubliez pas que la Maison Culturelle ne vivra que si vous vous y intéressez. Renseignements détaillés contre tombre à : Château de Grésillon, BAUGÉ (M.-et-L.).

## KUNVENO DE LA KAMPADISTOJ en GRESILLON — PASKO 1959

Post trankvila nokto sub la tendo en la bela parko de la Kastelo de Grésillon, 20 gekampadistoj ĉeestis kunvenon de la ĵus kreita asocio. — S-ro G. GOUGET legis interesan raporton klarigante la historion de la movado, ĝian celon kaj la estontajn planojn.

Poste oni diskutis la statuton, kiu fine estis akceptita. La simpatia S-ro GOUGET estis oficiale elektita prezidanto, kaj S-ro Pierre JACQUESSON sekretario. Principe S-ro CHERPILLOD estos kasisto, S-ro LAURENT estos vicprezidanto kaj S-ro PIGUET komitatano.

Oni decidis organizi renkonton en Jarnac apud Cognac, la 6an de Septembro.

Por informoj bonvolu skribi al S-ro GOUGET, 12, avenue Alsace-Lorraine, CHARTRES (E.-et-L.).

## KONKURSO : Amatora ĵurnalisto.

Ĉu vi deziras fari tre interesan studon kaj paroli pri nia lingvo ? Kiam vi vojaĝas kiam vi estas en trankvila loko ekzemple dum libertempo, vi povas okupi agrable tempon eĉ se pluvas. Vi salutas iun, petas pardonon kaj, dirante ke vi laboras pos statistiko de gazeto, vi intervjuas tre koncize kaj tuj prenas la respondojn sur notlibreto.

Jen la demandoj : 1°) Ĉu vi konas eksterlandajn lingvojn ? 2°) Ĉu vi opinias, ke internacia lingvo estas utila ? 3°) Ĉu vi konas « Esperanton » ? 4°) Ĉu vi ŝatus lerni ĝin ?

Tio sufiĉas al la enketo — eventuale vi povas aldoni rimarkojn. Notu, se eble informojn pri la persono : S-ro, S-ino, F-ino, aĝo, profesio, adreso.

Estu tre korekta enketisto — respektu la ideojn de ĉiuj. Se hazarde iu estas kontraŭ Esperanto, diru al li ke estus tre bona interesiĝi pri la afero. Li certe evoluos.

Sendu al U.E.F. viajn rezultojn. Ni juĝos ilin komence de Oktobro. Bonan amuzon !

# 44-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

# - Varsovio - 1-8 Aŭgusto 1959 - Pollando -

JUBILEA
ZAMENHOFA
JARO

**Adreso :** 44-a Universala Kongreso de Esperanto, Varsovio.
**Telegramoj :** Eperanto-Kongreso, Warszawa.
**Banko :** Narodowy Bank Polski, Warszawa, VII O.M.nr. 1531-9-525.

**NOVAJ FAKKUNVENOJ :** Anoncas fakkunvenojn :
— Studenta Tutmonda Esperantista Ligo. Adreso : J.C. Wells, Trinity College, Cambridge, Britio.
— Internacio de Militrezistantoj. Adreso : S-ro A.G. Tucker, Birchcroft, Pilgrims Way, Harbledown, Canterbury, Britio.
— Esperanta Sakligo Internacia. Adreso : D-ro V. Faigl, Zlonice, Ĉeĥoslovakio.

**FERVOJA RABATO :** La 33 %-a fervoja rabato de la polaj fervojoj estas ricevebla je aĉeto de la vojaĝbileto, en la koncerna lando, kontraŭ prezento de la kongreskarto. La polaj fervojoj jam informis la direkciojn de la eksterlandaj fervojoj per letero de la 5-a de marto CZP. 14/25/7/59.

**BANKEDO :** La Loka Kongresa Komitato decidis, ke dum la Universala Kongreso okazu komuna bankedo. La prezo estas fiksita je 2.50 usonaj dolaroj.

**KONGRESA RADIO :** Informoj pri la kongresaj preparoj estas donaja ĉiusabate en la radiodissendo « Voĉo de la 44-a », kiu okazas en la kadro de la ĉiutage duonhora programo en Esperanto de la Pola Radio sur mallongaj ondoj 25,05 m, 25,20 m, 25,39 m, 30,98 m, 31,45 m, 31,50 m, 41,12 m, 42,11 m, kaj sur mezaj ondoj 249 m. (1205 kc/s) de la 16,30 h. ĝis la 17-a h.

**SEKCIOJ :** La Estraro de U.E.A. decidis, ke la Kongreso laboru en du sekcioj.

1. « La rolo de la Esperanto-Movado en la realigo de la granda projekto de UNESKO pri interŝango de Orienta kaj Okcidenta kulturaj valoroj ». Prezidanto : Prof. D-ro Kawasaki (Japanio) ; raportanto : S-ro N. Smith (Britio).
2. « La funkcio de la Esperanto-Societoj en la nuntempa Movado ». Prezidanto : Mag. I. Dratwer ; raportantino : S-ino E. Lapenna.

**ORATORA KONKURSO :** La Estraro de U.E.A. elektis kiel temon de la Oratora Konkurso : « La personeco de D-ro L.L. Zamenhof ». La premioj estas disponigitaj de D-ro Maillard.
1-a premio = 10.000 fr. fr.
2-a » = 6.000 »
3-a » = 4.000 »
Rajtas konkursi gejunuloj ĝis 21 jaroj.

**STATISTIKO :** (ĝis fino de aprilo : Afriko Suda 1, Arabio 1, Argentino 2, Aŭstralio 3, Aŭstrio 48, Belgio 23, Brazilo 4, Britio 88, Bulgario 126, Ĉeĥoslovakio 14, Cejlono 1, Danlando 79, Etiopio 1, Finnlando 36, Francio 182, Germanio 85, Germanio Orienta 8, Hispanio 9, Hungario 16, Indonezio 1, Islando 2, Italio 115, Izraelo 4, Japanio 3, Jugoslavio 45, Kanado 2, Maroko 5, Meksikio 2, Monako 5, Nederlando 85, Norvegio 27, Novzelando 5, Pollando 1066, Portugalio 2, Rumanio 6, Sovjetunio 16, Svedio 136, Svislando 26, Turkio 3, Urugvajo 1, Usono 15. Entute 2301 el 41 landoj. Pasintjare 1609 el 34 landoj.

**Gian Carlo Fighiera, KKS.**

## CARAVANE POUR VARSOVIE

Date limite d'inscription : 20 juin 1959.

Horaire : Départ de Paris-Est, 31 juillet, 23 h. Arrivée 2 août, 7 h. 34. Départ de Varsovie 8 août, 22 h. 27. Arrivée Paris-Est, 10 août, 6 h. 41. Prix : train 1ère classe et hôtel 2ème catégorie, 65.000 fr. 2ème classe et 2ème catégorie, 55.000 fr. (ces prix comprennent voyage, repas en cours de route, pension complète et visa). Pour hôtel 3ème catégorie, 10.000 fr. de moins. Pour pension sans voyage, en hôtel 2ème catégorie, 28.000 fr. en 3ème catégorie, 18.000 fr. Pour voyage sans pension : 1ère classe, 37.000 fr. 2ème classe, 27.000 fr. Les cartes de congressistes sont indispensables pour l'obtention du visa collectif et doivent être adressées à l'U.E.F. qui se chargera des démarches, pour les membres de la caravane seulement.

N'oubliez pas, en écrivant à l'U.E.F. de joindre au moins deux timbres pour la réponse et même trois si votre lettre nécessite une correspondance à l'étranger.

## 4-a INTERNACIA INFANA KONGRESETO

**KONGRESEJO :** La 4-a Infana Kongreseto okazos en ejoj de la Akademio por Fizika Edukado (ul. Marymoncka 34), en verda kvartalo de Varsovio.

**DATOJ :** La Kongreseto malfermiĝos sabaton la 31-an de Julio kaj fermiĝos sabaton la 8-an de Aŭgusto je la 12-a h. Frualvenintaj infanoj estos akceptitaj jam vendredon la 30-an de Julio.

**KONDIĈOJ :** La aliĝkotizo estas fiksita je 6 $. Ĝi inkluzivas ĉiujn programojn kaj servojn de la Infana Kongreseto, nome matenmanĝon, du ĉefmanĝojn, posttagmezan manĝeton, ekskursojn, amuzajojn, festojn, dumnoktan restadon, prizorgadon kaj asekurojn. Vegetaranoj kaj dietuloj estos zorgataj. La Kongreseto akceptos senpage infanojn el familioj en nebonstataj cirkonstancoj. La Universala Kongreso finance subtenas ĉi tiun aranĝon.

**ĜENERALAJ INFORMOJ :** La Kongreseto estas rezervita al infanoj de 6 ĝis 13 jaroj, kiuj povas kompreni kaj paroli Esperanton kun samaĝuloj. Ĝi okupos la etulojn dum la tuta tago per varia, amuza, festa kaj eduka programo. La infanoj kune loĝos en la Akademio por Fizika Edukado. Ilin prizorgos komisiitoj.

Escepte de la fiksita akceptotago, vizitantoj ne estos allasataj. Nur la gepatroj povos viziti la gefiletojn, vespere je la 19-a horo.

# NOTRE SERVICE DE LIBRAIRIE (EXTRAITS)

### ETUDE et ENSEIGNEMENT

| | |
|---|---|
| A.B.C. (pour ceux qui aiment les lettres), de Waringhien | 150 |
| A.B.C. (Manuel pour les Enfants) | 75 |
| Esperanto-Manuel, de Chavet et Warnier | 500 |
| Manuel d'Etude, de Jean Couteaux, plus corrigé. | 450 |
| L'Esperanto Facile, de F. Gaume | 300 |
| Ni parolu en Esperanto, de A. Ribot | 400 |
| Manuel d'Initiation, de Thaillet | 150 |
| Programme des Examens | 25 |

### DICTIONNAIRES, LEXIQUES et VOCABULAIRES

| | |
|---|---|
| Grand Dictionnaire Esperanto-Français (Waringhien) relié très solidement | 2.830 |
| Dictionnaire Etymologique en 9 langues (Bastien) | 1.000 |
| Dictionnre Français-Esperanto (Grosjean-Maupin). | 810 |
| Supplément au précédent | 355 |
| Vocabulaire de poche (Bastien) | 220 |
| Lexique Esperanto-Français (NOVA) de R. Léger. | 540 |
| Les Mots Esperanto groupés d'après le sens (Bobin) | 100 |
| Vocabulaire et Grammaire sur feuille | 10 |
| Plena Vortaro de Esperanto (SAT), 4a eldono .. | 1.250 |
| Scienca kaj Teĥnika terminaro (Haferkorn) .... | 1.700 |
| Militista vortareto | 120 |

### LITTERATURE, PHILOSOPHIE, SCIENCE

| | |
|---|---|
| Abismo (originala romano de Jean Forge) | 315 |
| Abkar (romano pri la babilona epoko) bindita .. | 500 |
| La Alaska Stafeto - Kaptitoj de la Glacirokoj ... | 420 |
| La Alia Pasinteco (Bulthuis/Isbrucker) | 700 |
| La Amo en la Jaro Dekmil (Ignotus/Berenguer) .. | 525 |
| Anstataŭa Edzino (Maxwell/Sampson) bindita ... | 420 |
| Barbro kaj Eriko (Schneider kaj Carlsson) | 75 |
| Brulanta Sekreto (Stefan Zweg/Chwerin) Epoko 9. | 330 |
| Carlo Bourlet (biografio) | 50 |
| Colomba (Proper Mérimée/Beau) Epoko 6 | 165 |
| Doktoro Dorner (H.L. Eggerup) | 560 |
| Esperanto Legolibro (Elio Migliorini) | 375 |
| Fabiola (Wiseman/Ramo/Robert) | 630 |
| La Firmao de la Kato kiu Pilkludas (Balzac) ... | 100 |
| Jozefo (Applebaum) | 560 |
| La Forto de l'Vero (Adi) | 330 |
| Gaja Leganto per Esperanto (P.E. Schwerin) | 85 |
| La Goja Podio (Raymond Schwartz) broŝurita .. | 300 |
| Hebreaj Rakontoj (Aleĥem/Muĉnik) | 100 |
| La Hundo Kruso (Ballantyne/Inman) | 210 |
| Infanoj en Torento (Stellan Engholm). I-II | 560 |
| Invito al Cielo (J.D. Sayers) | 630 |
| Johano kaj Silvio, kun Esperant-Angla vortareto. | 80 |
| Poemoj de Omar Kajam (Waringhien) | 250 |
| La Karnavalo kaj la Somnambulino (Immermann/Wohltat). Epoko II | 330 |
| Kiso de la Reĝino (Najivin/Staritsky). Epoko 10. | 330 |
| Kredu min Sinjorino ! (C. Rossetti), bindita | 780 |
| Misteroj de l'Vivo (Bogh-Hogsted/Graversen) | 350 |
| La Mondon al Ni ! (E. Kilian) | 150 |
| Morto de Trajno (Crofts/Stuttard), bindita | 750 |
| La Naiveco de Pastro Brown (Chesterton) bind. | 420 |
| La Stranga Butiko (Schwartz) | 250 |
| La Goja Podio (Schwartz) | 400 |
| La Normandaj Rakontoj (Maupassant/Dupuis), lukse bindita | 1.680 |
| Taglibro de Anne Franck (trad. Degenkamp) | 1.075 |
| La Bapto de Caro Vladimir (Havliček) | 1.000 |
| La Infana Raso (W. Auld) | 1.000 |
| Eseoj (Waringhien) | 1.000 |
| Esperanta Antologio (W. Auld) broŝ. 1.800 ; bind. | 2.100 |
| Novaj Esperanto Historietoj (Diversaj Aŭtoroj).. | 250 |
| Palaco de Danĝero (pri S-ino de Pompadour) .. | 490 |
| Sonĝe sub Pomarbo (Baghy) | 1.000 |
| Premiaj Romanetoj (konkursintoj) | 80 |
| Princino de Marso (Burroughs/Sturmer) Epoko 5. | 170 |
| La Princo kaj Betty (Wodehouse/Badash) Ep. 3.. | 170 |
| Saltego trans Jarmiloj (Jean Forge) | 315 |
| Sep Vangofrapoj (Aszlanyi/Spierer). Epoko 7.... | 330 |
| La Sonĝo de Makaro (Kolorenko/Ŝidlovskaja) .. | 60 |
| La Tempo-Maŝino (H.G. Welles/Amos) Epoko 4 .. | 170 |
| Undino (Schreiner/Andrew), bindita | 450 |
| Universala Legolibro (Fricke) | 175 |
| Victoria (Knut Hamson/Olav Rygg) | 210 |
| La Virineto en Bluo (Mason Stuttard). Epoko 8 .. | 330 |
| La Vojo Returne (E.M. Remarque/J.F. Berger) .. | 420 |
| La Esperanto Klubo (Malmgren) | 110 |
| La Esperanto-Movado (Stop-Bowitz kaj Isbrucker) | 280 |
| Historio de la Lingvo Esperanto (E. Privat). I-II. | 700 |
| Sinjoro Tadeo (Mickiewicz), bindita | 850 |
| Vivo de Zamenhof (E. Privat) | 450 |
| Leteroj de L.L. Zamenhof (G. Waringhien) I-II po | 950 |
| Originalo Verkaro de Zamenhof (lukse bindita).. | 1.575 |
| Internacia Lingvo (Ivo Lapenna) | 800 |
| Per kio ni amuzu nin ? (Rosenberg-Malmgren) .. | 110 |
| « Esperanto » (binditaj kolektoj 1952 aŭ 1953) po.. | 500 |
| L'Esperanto cet Inconnu (André Ribot) | 125 |
| Maximes de La Rochefoucauld (texte bilingue) .. | 200 |
| Aŭstralio-Lando kaj Popolo (ilustrita) | 350 |
| Ekspedicio « Kon-Tiki » (Heyerdahl-Brynildsen) lukse bindita | 1.850 |
| Guide de Paris en Esperanto (illustré) | 250 |
| Pola Folkloro kaj Popolkanto (Grenkamp) | 200 |
| Polusaj Glacioj sub Noktomeza Suno (illustré) .. | 150 |
| Arto... farigi centjara | 280 |
| Arboj de la Arbaro kaj Kampo (Booth), illustré .. | 85 |
| La Vivo de la Plantoj (P. Neergard) | 1.120 |
| Atakoj kontraŭ Gardenplantoj (P. Neergard) .. | 1.540 |
| Komercaj Leteroj (Pruissen) | 165 |
| Pri Bredado de Abeloj (Andersen/Nederland) .. | 385 |
| Somera Universitato Malmö 1948 | 250 |
| La Floroj de l'Malbono (trad. Waringhien) | 1.340 |
| Kontralte (Marjorie Boulton) | 1.000 |
| Fabloj de la Fontaine (Lucien Thévenin) | 200 |
| Antonio kaj Kleopatro (Shakespeare/Andrew) .. | 210 |
| Georgo Dandin (Molière/Zamenhof) | 265 |
| Ifigenio en Taŭrido (Gœthe/Zamenhof) | 430 |
| La Revizoro (Gogol/Zamenhof) | 430 |
| Romeo kaj Julieto (Shakespeare/Andrew) | 210 |
| Maksimoj (La Rochefoucauld) | 200 |
| Les Héros Existentialistes dans l'œuvre littéraire de J.-P. Sartre (texte bilingue) Colette Llech-Walter | 100 |
| Retoriko (Lapenna), bindita | 1.540 |
| Aktualaj Problemoj de la nuntempa internacia Vivo (Lapenna), bindita | 720 |
| La Internacia Lingvo (Lapenna), bindita | 800 |
| Vojaĝo al Kazohinio (Szathmari) | 1.000 |

**Frais d'expédition et de poste : 20 %**

jusqu'à 1.000 fr. : 15 % jusqu'à 2.000
et 10 % au-dessus.

U.E.F., 34, Rue de Chabrol, PARIS X[e]
C.C.P. 855.35 PARIS.

**N.B. La membroj de U.E.A. bonvolu konsulti la Jarlibron, ĉar ili povas mendi pere de U.E.F. ĉiun indikitan verkon.**

Langres. — Imprimerie Moderne

Le Gérant : J. Guillaume